# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler. †**

**Redaktas : Prov. Komitato de UEA**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**32-a Jaro N° 433**

**DECEMBRO 1936**

## Returne al la Interna Ideo

Pasis la 15-a de Decembro, tago je kiu ĉiu esperantisto memoras kun dankema sento la genian homon kiu kreis la lingvon. La datreveno de la naskiĝo de Zamenhof fariĝis tago de memoro, de konsciiĝo kaj de sinpromeso. Tago de memoro al la Majstro, amata de l'esperantistoj kaj laŭdota iam de milionoj da homoj, tago de konsciiĝo pri la neceso *elleni* en la paca batalado, tago de sinpromeso por pli energia laborado en la estonto.

Kaj en tiu ĉi tago la esperantistoj estas unuanimaj, malgraŭ la diverseco de opinioj ilin disigantaj. Ĝi estas la tago del' Internacia festo, kvintesenco de l' Naciaj festoj.

La jaro nun finiĝanta ne estis brila por nia movado. Eksteraj kaj internaj malordoj, inerteco kaj indiferenteco estis ĝiaj signoj. Kaj ĉion superombris la terura malcerteco de la morgaŭo. En tia tempo de spirita kaj materia premo, la okulo sin turnas al stelo de espero, anoncanta pli bonan tempon. Mildiĝas la koro kaj sentiĝas la bezono, forgesi ĉion kio disigas. Ĉu do la jaro venonta komencu sub signo de interesperantista disputo kun ĉiuj siaj sekvoj ? Ĉu la jaro 1937, jubileo de nia lingvo, estu sub signo de frata batalo ? Ĉu la esperantistoj komprenos, kiom danĝera estas la situacio kaj ĉu ili konsciiĝos pri la neceso de nepra konkordo ? Evidentiĝos je la 15-a de Decembro 1937, ĉu realiĝis la arda deziro de l' plimulto je paco kaj kunlaboro harmonia !

Ni ĉiuj solene promesu fari nian eblon, por ke refirmiĝu la interna ideo inter ni kaj per ĝi la sento je toleremo, pacemo kaj cedemo. Kun tiu ĉi espero ni finu ĉi tiun jaron 1936 kaj komencu la jubilean jaron 1937.

Renaud RICHEZ.

**Bonvolu atenti paĝon 140 kaj sekvantan.**

# Esperantismo

## Olimpiado kaj Esperanto

Oni memoras ankoraŭ per kiom da zorgo estis atentita ĉiu ero en la organizo de l'Olimpiado en Berlino 1936. De la deviga afableco al fremdulo (verdire la Berlinanoj ja ne bezonis specialan ordonon por esti afablaj !) ĝis la floroj sur tablo de l' gasto-ĉambro, ĉion antaŭvidis la germana organizemo. Kaj tiu ĉi eco ja festis verajn orgiojn. Apartan atenton oni donis al detalo ne malpli grava : La fremdaj lingvoj. Per konata precizeco estis aranĝitaj kursoj por certaj lingvoj, eta armeo da interpretistoj funkciis... tiel ke laŭvide ĉio devis marŝi senmalhelpe. Ne malmultaj certe el la fremdaj gastoj, kiuj paceme invadis Berlinon, povis, sen tro granda komplikaĵo kompreniĝi kun la enlandanoj, aliaj sin helpis per disponigitaj interpretistoj. Domaĝe, ke mankas observinto pri tiaj faktoj, kiel ekzemple funkciis la kompreniĝo lingva inter la sportuloj mem. Kaj ni Esperantistoj devas konstati kun ĉagreno, ke unika okazaĵo en la mondo forpasis *sen* konsidero de nia lingvo. Ni konsentu, ke certaj faktoroj ja ne estis favoraj por penetri en tiun medion. Sed tio tuj ricevos alian aspekton, okaze de la venonta Olimpiado en *Tokio...*

Ĝi okazos en 1940. Do iom pli ol tri jaroj da tempospaco. Sufiĉa por profite eluzi unikan, eble plej unikan okazon devige ja preskaŭ **perforte** enkonduki nian lingvon, se estas eĉ nur por kelka tempo. Tio ŝajnas al vi stranga ideo, ĉu ne, sed se vi atente sekvos ĝian evoluon ĝi aperos al vi kiel efektiviginda realaĵo.

La Olimpiadoj en landoj de la grandaj kulturlingvoj, ni diru tuj : en landoj kie angla, franca kaj germana ludas rolon, ne konis verdire lingvajn malfacilaĵojn. Tio esence kaj profunde ŝanĝos en Tokio. Laŭdire la dua lingvo estas la angla en Japanujo. Tion oni povas aŭdi tiom ofte, ke fine oni kredas ĝin. La realeco estas alia. Efektive la angla lingvo estas ĉefa fremdlingvo, sed ni ne demandu iun kiu provis kontaktiĝi rekte kun enlandanoj en Japanujo. Ke en la grandaj hoteloj oni scias lingvojn, nu, tio ne estas io eksterordinara. Eĉ supozante la ekstremon, ke oni efektive parolus la anglan ĝenerale, restas la ĝeno por la gastoj de ne-angla lingvo. Kaj tie prezentiĝas ŝanco por nia lingvo.

Jen ideo kiun mi submetas al la esperantistaro kaj ĉefe al la decidantaj povoj. Eble iu diros al mi, ke estos longa vojo ĝis Tipperary, pardonu mi volas diri ĝis Tokio kaj la Olimpiado 1940. Mi opinias la malon. Kaj argumentas per jenaj pripensoj kaj proponoj.

Por la pasintaj Olimpiadoj oni ankaŭ klopodis. Ne demandu kun kia sukceso ! La argumentoj, kiujn ni prezentis ja estis bonaj sed ne sufiĉe konvinkaj. Oni kontraŭdiris tre verŝajne, ke Esperanto eble servos bone en Ekstrema Oriento aŭ ion alian. Nu, kion mi jam diris dekomence : La lingvaj malhelpoj en Japanujo estos efektivaj, senteblaj, konstateblaj tuj.

### Propono :

Universala Esperanto-Asocio kun la ceteraj organizaĵoj esperantistaj, precipe naciaj, starigu komitaton por la Olimpiado 1940. Tiu ĉi komitato, ne tro granda, sed despli vigla, direktu kaj gvidu la laboron.

Ĝi interkonsentu pri procedo kaj taktiko kun la japanaj samideanoj, kiuj certe jam pripensis je la unika okazo sin prezentonta. Devas esti komencata grandstila propagando en Japanujo, do en Tokio por interesi la homojn tie pri Esperanto. Devas esti organizotaj kursoj por la publiko kiu kontaktiĝos kun la gastoj, sportistoj, hotelistoj, komercistoj, policistoj ktp. Ĉar lernado de Esperanto postulas por mezklera japano tamen tempo de du jaroj (supozeble) ne estas tro frue jam nun, serioze komenci la laboron.

La Esperanto Komitato por la Olimpiado 1940 (EKO 1940), kun sidejo en Genève apud la Centra Oficejo de UEA, proponu la servojn de la Esperanto organizaĵo al la Tokia Loka komitato. Preparo de presaĵoj en Esperanto por altiri Lokan komitaton de l' Olimpiado. Preparo de presaĵoj en Esperanto por altiri fremdajn gastojn, dissendo de regulaj informoj en taŭga momento ktp.

La EKO 1940 pripensu la pretigon de manuskripto de **Sporta Vortaro** en Esperanto, kiu entenas la plej uzatajn esprimojn en la ĉefaj sportoj. Ĝi estu eldonota en Japanujo kaj kun aldono de reklamoj japanaj, dissendota aŭ disdonota al eksterlando aŭ al la gastoj.

La EKO 1940 (sekcio en Tokio) proponas je konvena momento siajn servojn al la Loka Olimpiada Komitato. Dispono de personoj sciantaj Esperanton por la reklamo, por la rilatoj kun la Esperantista publiko, por organizi la instruadon de Esperanto en Tokio. Eventuale la Cseh-Instituto povus organizi kursojn. Aliaj eblecoj sin montros dum la prepara laboro.

Fine la Esperanto Organizaĵoj antaŭvidu jam nun la farotan proponon, organizi la universalan kongreson de Esperanto en Tokio ĉu antaŭ, dum aŭ post la Olimpiado.

---

Jen la ĉefa ideo. Ni vidu kion la interesitoj — UEA komitato kaj japanaj samideanoj — diros pri ĝi. Estas nedubeble, ke la Japana Registaro faciligos la vojaĝon al Japanujo per ĉiuj rimedoj kaj akcelos viziton de sia lando je kiu ajn ofero. Ni ne pensu nun je materia profito sed ni vidu la avantaĝon unikan por nia lingvo.

*K. M. Liniger.*

---

## Esperanto ĉe la Lyon'a Foiro

La uzado de Esperanto ĉiujare pligraviĝas ĉe la Lyon'a Foiro. La nuna statistika tabelo montras, ke la nombro de esperantaj korespondaĵoj kreskis de 227 en 1934 al 265 en 1935 kaj al 401 en 1936.

La Lyon'a Foiro ĵus eldonis novan kvinkoloran afiŝon 70×100 cm. kaj novan sorbpaperon. Tiuj propagandiloj estos sendataj senpage al la esperantistaj grupoj, kiuj deziros ilin utiligi por ekspozicioj. Estos aldonataj prospektoj kaj poŝtkartoj laŭ la restanta provizo.

Skribu : Foire de Lyon, Esperanto-Fako, rue Ménestrier, Lyon (Francujo).

# 29-a Universala Kongreso de Esperanto

## La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

**Oficiala komuniko 1.**

Interkonsente kun Pollanda Esperanto-Delegitaro estis elektita Loka Kongresa Komitato por la XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto, kiu organiziĝis jene :

Honora Prezidanto : Prof. Dr. Odo Bujwid, Prez. de PED.
Prezidanto : Vicdirektoro Bronislaw Bohdan Wyszynski, Prezidanto de Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo.
Vicprezidantoj : Dr. Wilhelm Róbin, Kazimierz Zajaczkowski, Leon Klimecki kaj Stanislaw Karolczyk.
Ĝenerala Sekretario : Aleksander Hartman.
Sekretarioj : Lila Tazbirowa kaj Jan Zawada.
Kasisto : Stefan Lubliner, anstataŭanto Halina Weinstein.
Komitatanoj : Mieczyslaw Kaus kaj Borys Strelczyk.

*Provizora Kongres-programo.*

Sabato, 7. aŭgusto : 12 h. Kunsido de LKK. 19 h. Interkonatiĝa vespero kaj kabaredo.
Dimanĉo, 8. aŭgusto : 9 h. Diservoj en preĝejoj.
10-12 h. Promeno tra la urbo.
12 h. Solena inaŭguro de la Kongreso.
16 h. Malfermo de jubilea Ekspozicio.
17 h. Solena malfermo de UAB-Kongreso.
20 h. Teatro.
Lundo, 9. aŭgusto : 9 h. Inaŭguro de l' Somera Universitato.
11.30 h. Ĉe la tomboj de l' Majstro kaj Grabowski.
16 h. Somera Universitato.
(Jubilea tago) 17 h. Solena kunsido.
20 h. Solena Laborkunsido de l'Kongreso (Festo de veteranoj).
Mardo, 10. aŭgusto : 9-13 h. Fakaj kunsidoj. Urbvizito.
16-19 h. Somera Universitato. — 20 h. Koncerto.
Merkredo, 11. aŭgusto : Pilgrimado al Bialystok — naskiĝurbo de l' Majstro.
Jaŭdo, 12. aŭgusto : 10 h. Laborkunsido.
17 h. Fakaj kunsidoj. — 21 h. Internacia Balo.
Vendredo, 13. aŭgusto : 10-13 h. Laborkunsido.
17 h. Folklora prezentado. Festvespero kaj literaturaj konkursoj.
Sabato, 14. aŭgusto : 10-13 h. Somera Universitato.
16-19 h. Fakaj kunsidoj.
20 h. Adiaŭa Vespero en Varsovio.
Dimanĉo, 15. aŭgusto : 12 h. Solena fermo de la Kongreso.
Postkongresaj ekskursoj.

Turisma Sekcio de LKK preparis jam detalan programon de la ekskursoj tra Polujo, pri kiu ni informos en la dua komuniko.

Provizora adreso de LKK : Loka Kongresa Komitato de XXIX Jubilea Universala Kongreso de Esperanto, Warszawa, ul. Chmielna 26 m. 8. Tel. 278-55 kaj 278-08.

Pro la jubilea karaktero de l' Kongreso ni petas insiste la tutmondan Esperantistaron partopreni organizon de l' Kongreso per konsiloj kaj sugestoj, ĉar LKK deziras prepari Jubileon de Esperanto interkonsente kun gesamideanoj el ĉiuj landoj. *Loka Kongresa Komitato.*

# Svisa Esperanto-Societo

La eksterordinara kunveno de Svisa Esperanto-Societo kunveninta en Bern la 29-an de Novembro 1936 post trihora esplora diskutado decidas :

La kunveno esprimas la plenan fidon al Universala Esperanto-Asocio kaj rekomendas al ĉiuj Esperantistoj resti fidelaj al UEA kaj varbi por ĝi.

Tiun ĉi decidon la ĉeestintaj Delegitoj kaj grupestroj plifortigas per subskribo :

*Dro. R. G. Maeder*, prezidanto de SES, St. Gallen.
*H. Kürsteiner*, ĉefdelegito de UEA, St. Gallen.
*Renaud Richez*, rajtigito de la grupo « Stelo », Genève.
*Rosalia Beyeler*, vicdelegitino de UEA, Bern.
*G. Rotach*, prezidanto de la grupo, Bern.
*Fr. Walter*, membro de la grupo Solothurn.
*R. Huber*, Del. UEA, Luzern.
*K. Hiltpold*, Del. UEA, Vevey.
*F. Hirzel*, Del. UEA, Schaffhausen.
*M. Miltscheff*, Del. UEA, Biel.
*R. Frochaux*, Del. UEA, Boudry kaj svisa reprez. de SEL.
*K. M. Liniger*, Del. UEA, Bern.
*Alex Ueltschi*, Del. UEA, Thun.
*Jules Gilliard*, membro de UEA, Neuveville.
*Sro. E. Spielmann*, membro de UEA gvid. de Svisa Esperanto Instituto.
*Ed. Steiller*, honora prezidanto de UEA.
*E. Lang*, membro de UEA, Bern.
*Lilly Meixler*, membro de UEA, Münsingen.
*A. Vonlanthen*, membro de UEA, Bern.
*L. Bichsel*, membro de UEA, Bern.
*R. Tschabold*, membro de UEA, Steffisburg.
*S-ino F. Schärer*, membro de UEA, Thun.
*Alice Früh*, membro de UEA, St. Gallen.
*Alfred Egg*, Baden. — *Rud. Bucher*, Bern.

---

# Turisma Servo de UEA

Aperis dum lasta tempo kelkaj tre rimarkindaj turismaj presaĵoj kiujn oni ne tre atentis. Estas unue citindaj du belegaj eldonaĵoj de l' Itala Ministerio por la gazetaro kaj propagando :

**Tra Italujo :** Altformata revuo, eldonata en pluraj lingvoj, eldono en Esperanto, 48 paĝa riĉe kaj lukse ilustrata, interalie reproduktaĵoj de majstroverkoj el pentroarto itala, kun abunda teksto pri turismo en Italio.

**Ĉu vi konas Italion :** Broŝuro kun ĝeneralaj kaj praktikaj informoj pri lando, vojaĝado, ktp.

La uzado de nia lingvo por praktikaj celoj en Italio estas kontrasto frapanta kontraŭ la sintenado de l' aŭtoritatoj en alia tre grava lando kie Esperanto estas malestimata.

**Gvidfolio por Vojagantoj en Manĉukuo** titoliĝas presaĵo eldonita de l' Sud-Manĉuria Fervoja Kompanio, kiu enoficigis funkciulon, scianta Esperanton, por la turisma reklamo. Utilaj informoj, ilustraĵoj pri vivo vojaĝado en Ekstrem-Oriento.

# Literaturo

## Ekstera Mongolio

De kolonelo H. St. Clair Smallwood.

La ombro de Japanujo etendiĝas iom post iom al la ekstera Mongolio. La situacio estas plejeble malklara, kaj nur la estonteco montros, ĉu Japanujo kaj la USSR komprenos limigi siajn interesojn, ne malpaciĝante pro tiu sendefenda lando; lando, kiu sub Ĉingis Ĥan estis tutmonda potenco, sed kiu nun malaltiĝis al objekto de la granda politiko.

Por kompreni la nunajn okazantaĵojn, oni devas reiri ĝis la jaro 1911. Tiu ĉi « jaro de l' sorto » de la ekstrema oriento, kiu vidis la eksplodon de la ĉina revolucio, signifas ankaŭ la komenciĝon de la moderna historio de la ekstera Mongolio. Post la falo de la lasta ĉina dinastio, la mongolaj princoj kaj lamaoj kunvenis en Urga, la ĉefurbo de la ekstera Mongolio; ili insistis, ke ilia lando tuj proklamu sian sendependecon, kaj motivigis tion per tio, ke Ĉinujo malatentis la mongolajn speciallеĝojn, ke ĉinaj kamparanoj kaj komercistoj forpremis la mongolajn nomadojn el iliaj kutimaj paŝtejoj, kaj ke la ĉina « Amban », la reprezentanto en Urga, el propra povo enkondukis administran reformon. Al la imperiestra domo de la Manĝu la princoj kaj lamaoj ĉiam estis fidelaj, la nova respubliko de Yuan Ŝi Kaj ne koncernis ilin.

En Decembro 1911 Mongolio deklaris sian sendependecon kaj elektis kiel ĉefan estron la **vivantan Budaon**, la Bogdo Hutuĥtu. La *Hutuĥtu* posedis en la hierarĥio de la lamaista Budismo la trian rangon post la Dalai Lamao de Lhasa kaj la same en Tibeto reganta Taŝi Lamao. Ŝajnis al la Mongoloj tute nature, ke li krom la pastra ĉefestreco ankaŭ la monduman potencon prenu en siajn manojn. La carisma Ruslando tute ne malvolonte observis la rompon inter Mongolio kaj Ĉinujo kaj klopodis progresigi, la aferon de Mongolio per tio, ke ĝi — kiel sola potenco — rekonis la novan sendependecon formale la 3-an de novembro 1911. Tamen la rusa amikeco de tiu ĉi epoko estis tre danĝera donaco.

Yuan Ŝi-Kaj provis rekonduki la Mongolojn al Ĉinujo, deklarante al ili, ke la ĉina respubliko donos al ili la samajn rajtojn kiel al la ĉinoj. Efektive, dekreto de la prezidanto konigis la egalecon rilate al la leĝoj por la 5 plej gravaj popoloj de Ĉinujo, do de la Ĉinoj, Manĝuoj, Mongoloj, Mahometanoj kaj Tibetanoj. Sed ĉi ĉio malmulte impresis al la Hutuĥtu kaj al lia konsilantaro de princoj kaj lamaoj; la sendependeco ne estis nuligata. Anstataŭ tio oni serĉis atingi intiman apogon al Ruslando, kun kiu en 1912 konvencio estis farata. Al tiu konvencio estis aldonata « protokolo », en kiu la specialaj rajtoj de Ruslando en Mongolio estis fiksitaj. Ruslando ricevis liberan ekonomian eniron en Mongolion kun la rajto, nomigi konsul- kaj komercagentojn, dum samtempe rusaj ŝtatanoj konservus en Mongolio la rajtojn de eksteritoreco. En Majo 1913 la Rusoj ricevis eĉ ekster la reguloj de la protokolo la rajton, konstrui telegrafan linion inter Koŝagaĉ en Siberio kaj Kobdo, ĉe kio la reguloj de la koncesio estis tre favoraj por la Rusoj.

La 5-an de novembro 1913 la ĉina registaro oficiale sciiĝis de tiuj konvencioj kaj interkonsentoj, post kio Ruslando kontraŭvole devis rekoni la fakton, ke Mongolio staras sub la ĉefestreco (suvereneco) de Ĉinujo, kio tamen facile ekkoneble nur havis la celon, al la Ĉinoj « konservi la aspekton ». Samtempe Ĉinujo rekonis la rajton de Mongolio je vastampleksa aŭtonomio.

Tiel staris la aferoj ĉe la eksplodo de la mondmilito. Dum ĝiaj unuaj jaroj, kiam en Eŭropo neniu pensis al io alia ol al la militado, la rusa registaro eluzis la okazon, por doni al Mongolio « militpruntaĵon » de du milionoj da rubloj kaj fari kun ĝi fervoj-konvencion, kio tamen kun la rusa rekono de la laŭnoma ĉina suvereneco estis apenaŭ akordigebla. La fervoja konvencio ĉefe celis, ke neniu sen konsento kaj kunlaboro de Ruslando povu konstrui fervojon en Mongolio.

La dua paŝo estis la invito de konferenco en Kjaĥta, ĉe kiu Ruslando, Ĉinujo kaj la Mongolio estis reprezentataj. Tie efektiviĝis la jena interkonsento: « La ekstera Mongolio rekonas la ĉefestrecon (suverenecon) de Ĉinujo; Ruslando kaj Ĉinujo rekonas la aŭtonomion de la ekstera Mongolio kiu estas parto de la ĉina estrec-teritorio. » En Mongolio la Ĉinoj, la Rusoj kaj la Mongoloj povas vivi laŭ la leĝoj de siaj propraj landoj.

Kiam en 1917 en Ruslando eksplodis la revolucio ŝajnis ĉio, kio estis atingata en Mongolio, detruita. La konvencioj kun granda peno atingitaj estis senvaloraj. Ĉinujo kaptis tuj la okazon, por reatingi denove en la ekstera Mongolio decidan influon. La cara ĝeneralkonsulo, Orlov, ja restis en Urga, sed lia ofico estis nura dekoracio, post kiu ne plu estis io reala. La en Urga garnizonantaj caraj trupoj iom post iom diskuris kaj la influo de Ĉinujo kreskis sub la energia konduko de generalo Hsu.La konvencioj inter Ruslando kaj Mongolio estis nuligataj, la « aŭtonomio » de Mongolio, kiu efektive estis doninta al ĝi vastan sendependecon, estis, kiel la Ĉinoj asertis, **per libervola rezigno nuligata.** La estreco de Ĉinujo estis efektive restarigata.

En komisio de la ĉina registaro la verkinto faris en Septembro 1919 la mezurlaborojn por la unua aerlinio en Ĉinujo, kiu kondukis de Peking tra Kalgan al Urga, kie baldaŭ poste ankaŭ radiostacio estis starigata, plua nevidebla ligilo, kiu devis kunigi Mongolion pli firme al Peking. La trafikministerio poste aranĝis regulan aŭtomobilservon tra la Gobi-dezerto al Urga, kie la ĉina urbo baldaŭ atingis konsiderindan ekonomian signifon, dum ĉirkaŭ la tuta, sian proprecon jaluze atentanta lando ĉiam pli kaj ĉiam pli premanta sin metis la palpiloj kaj kaptobrakoj de la ĉina kulturo kaj estreco.

Sed tiu ĉi stato ne daŭris longe. La registaro en Peking baldaŭ ree perdis sian influon en Urga, la « blankaj » Rusoj sub la Atamano Semenov iom post iom revenis. La Atamano kun siaj kosakoj marŝadis laŭlonge de la mongola-siberia limo. En Oktobro 1920 la « freneza barono », la « blanka » ruso **Ungern-Sternberg** marŝis al Urga, kie li en Februaro 1921 ekzekutigis multajn « ruĝajn Rusojn » kaj Ĉinojn. Li kondukis la Hutuĥtu el la kaŝejo, kie li estis kaŝinta sin, ree al la ĉefurbo kaj faris sin mem ties supran militistan konsilanton. Sed pasis nur mallonga tempo ĝis la barono estis kaptita de la ruĝaj rusoj kaj mortpafita en Kjaĥta. La urbo Urga ricevis la novan nomon **Ulan Bator** (Ruĝa Rajdisto).

La novaj mastroj starigis la « Provizoran Popol-Revolucian Registaron en la ekstera Mongolio », tamen lasis la vivantan Budaon, la Hutuĥtu, kiel pastran ĉefestron de la lando sub la kondiĉo, ke li la mondumajn aferojn plene lasu al la registaro. La efektive reganto de Mongolio fariĝis « kamar-

ado » Rode, iama oficisto de la cara ĝeneralkonsulejo, kiu prenis sur sin la oficon de ministro prezidanto kaj de la ministro de l'eksteraj aferoj. La Mongoloj baldaŭ satiĝis de la nova estreco, tamen ili ne sukcesis, sin liberigi de rusa ekkapto. La Ruĝuloj ankaŭ en Mongolio regis terorisme kaj sufokis ĉiun opozicion, ĉiun ombron de kontraŭstaro jam ĉe la plej eta suspekto, per mortpuno.

La alvoko, kiun nun multaj Mongoloj direktis al Ĉinujo, estis senefika, ĉar la senpotenca kaj apatia registaro en Peking ne povis fari ion alian, ol komisii la tiaman « militestron » de Manĝurio Ĉang Co-Lin je militiro kontraŭ la rusaj uzurpuloj en Mongolio. Ĉan-Co-Lin postulis monon por tia militiro. Ĉar la mono ne estis disponebla, la Rusoj restis neĝenataj.

Depost tiam regas en Urga — nuna Ulanbator — la Sovetsistemo kaj USSR. La Rusoj administras la telegrafajn liniojn, la Rusoj stampas la monerojn por Mongolio, ili kontrolas la doganejojn, la tuta komerco de la lando estas direktata de Ruslando. La Mongoloj aĉetas rusajn ŝtofojn, la peltoj kaj feloj, kiuj estas ĉasataj en Mongolio, iras por la finpreparo al Ruslando kaj ne kiel antaŭe al la nordo de Ĉinujo. La pretendo de Ĉinujo je la ĉefestreco en la Mongolio fariĝis moko. Sed intertempe Japanujo komencis plifirmigi siajn rilatojn en Manĝurio, kaj ne mankas antaŭsignoj, ke ĝi serĉos eblecojn por estonta estreco en la ekstera Mongolio.

(Tradukis : *Carassius.*)

---

## Strangaj Profesioj

Antaŭ du jaroj mi vizitis unu el la plej gravaj anglaj teofirmoj en London. Estis mirinde, kiom multaj diversaj specoj da teo tie estis staplitaj. Efektive oni povis aĉeti ĉiun teon de la mondo : la verdan teon de Cejlono kaj la grandfolian Java-teon, la polvosimilan meksikan teon kaj la manĝurian, miksita kun virbova sango. En granda hela ejo staris sur longa tablo eble 60 pelvetoj, en ĉiu estis iom da teo. Apud ĉiu pelveto staris tabuleto, sur kiu estis legebla la jaro de l' rikolto, la nomo kaj la prezo de la teo. Kaj mezaĝa, tre bone vestita sinjoro iris tien kaj reen, prenis ĉiun pelveton en la manon, prenis gluton kaj — elkraĉis la teon. Tion li faris dum unu horo. Tiam li eksidis antaŭ skribmaŝino kaj ekskribis. Mia akompananto klarigis al mi la strangan agadon de tiu ĉi sinjoro ; li estis « tegustumisto ». « Li estas dibenita viro », diris la oficisto, « li nur bezonas preni iom da teo en la buŝon kaj tuj scias, kiun specon li gustumas. Jes, eĉ pli ! Se hazarde unu speco estas miksita kun alia, li senhezite ekkonas la miksaĵon. Li estas tre bone pagata. Bedaŭrinde ekzistas tre malmultaj homoj, kiuj havas tiajn delikatajn gustonervojn. Ni povus enoficigi ankoraŭ kelkajn tegustumistojn, sed ne estas tiaj troveblaj. »

En Hammersmith, antaŭurbo de London, poste mi vidis alian sinjoron, kiu akiris sian vivbezonon per sia nazo. En la fabriko, kie li estis, estis fumaĵigata la eksterordinare bona angla kampara ŝinko. Antaŭ ol la ŝinko estas metata en la fumejejon, ĝi devas esti kontrolata de la *ŝinkoflaristo.* Tiu ĉi enpikas longan pinglon en la viandon kaj priflaras la pinglon. Kelkfoje nome la ŝinko aspektas bonega, tamen ĉe la osto ne plu estas tute freŝa. Estas nun la ofico de la ŝinkoflaristo, eltrovi tiajn ŝinkojn el inter la aliaj.

Jen parolante pri ŝinko, mi volas ion diri pri jam pli aĝa sinjoro en la viandoriĉa Chicago. Elektitaj ŝinkoj tie estas prilaborataj per la malvarma fumo de la Hikori-ligno. Tian lignon oni nuntempe nur malfacile povas ricevi ; malvarman fumon de ĝi eĉ tute ne. La sinjoro, pri kiu mi aludis, nun estas « malvarma Hikori *fumo-kolektisto* ». Li faras longajn vojaĝojn en la okcidento kaj nordo de la nordamerikaj ŝtatoj, forbrulas kelkajn milojn da kubikmetroj de Hikoriligno kaj kaptas la akran fumon en specialaj ujoj. La rikolton li liveras al Chikago.

En Ĉinujo vivas ankoraŭ hodiaŭ rondcifere ok milionoj da homoj, kiuj purigas siajn dentojn sole per specialaj dentpurigiloj — par la *barbo-haroj de rosmaroj.* Tiel ekestis speciala industrio. Sed ne ĉiuj barbharoj, kiujn liveras la rosmaroj, taŭgas por la dentoj de riĉaj ĉinoj. Tiuj dentpurigiloj estas preparataj en Anglujo. Tiel estas liverataj milionoj da barbharoj de rosmaroj, ili estas purigataj kaj sekigataj. Antaŭ ol oni enpakas ilin, ili estas antaŭmetataj al ekzamenisto. Tiu prenas ĉiun rosmar-barbharon inter la fingrojn kaj kurbigas ĝin. Laŭ la kurbigebleco li ekkonas, ĉu tiu haro estas taŭga por la eksporto aŭ ne. Oni jam ofte provis, anstataŭigi tiun ĉi homon per maŝino, sed tio ne estis ebla.

Tute proksime al tiu rosmar-barbharfabriko ekzistas alia, kiu fabrikas *alumetojn.* En tiu ĉi fabriko sidas viro, kiu al si donigas ĉiutage dudek skatolojn da alumetoj ; tiuj skatoloj estas senelekte prenataj el la fabrikita provizo — kaj tiu viro nun bruligas unu alumeton post la alia. Tio estas lia tuta okupo. Ĝi estas bone pagata, ĉar ĝi estas tre grava.

La strangaj profesioj estas en Eŭropo kiel en Ameriko proporcie limigitaj. Kelkajn profesiojn oni cetere renkontas ĉie, tiel ekzemple la *gasflariston.* Tiu estas la viro, kiu sur la strato malfermas unu el la fermoplatoj de la gaskondukiloj post la alia kaj enmetas sian nazon en la malfermaĵon. Lin oni trovas en Vieno same kiel en Berlin, Paris kaj London. Same la profesio de la *silkokontrolisto*, en la silkofabrikejoj ĉie trovebla ; ankaŭ la *sapoŝmiristo* ne estas malofta, grandaj sapofabrikejoj havas kelkajn dungitojn, kies sola tasko estas, provi la fabrikitajn sapojn.

En la ekzotikaj landoj tiuj strangaj profesioj estas iom pli komplikaj. Ekzistas ekzemple en Hongkong viro, kiu ĉiutage manĝas dek vivantajn *araneojn.* Tiuj araneoj estas bongustaĵo, kiu ne manku sur ĉina manĝotablo. Nur la plej bonaj specoj estas vendataj. Kaj tiujn, tiu-ĉi viro devas elserĉi. En Japanujo ekzistas profesio, kiun verŝajne neniu Eŭropano aspirus, la profesio de *gazmasko-provisto.* Japanujo fabrikas gazmaskojn pogrande. Certe unu gazmasko aspektas tute kiel la alia, sed kiu certigas, ke la gasmasko fakte estas bona ? Tial oni surmetas ĝin al iu dungito kaj enfermas lin en ejon plenigitan de venena gazo. Se li vivanta eliras el tiu ejo, la masko estas taŭga ! Se oni devas poste enterigi lin, oni devas kontroligi denove la tutan serion. Mi konatiĝis kun tia homo en Tokio ; sep el liaj antaŭuloj mortis ĉe tiaj provoj. Tio ne ĝenas lin ; li daŭrigas sian laboron nelacigeble por unu angla ŝilingo po tago.

Unu el la plej danĝeraj profesioj havis antaŭ 30 jaroj la inĝeniero *Kenstoke*, kiu estis dungita ĉe Hiram Maxim. Maxim havis la emon kaj la ambicion, fabriki *kuglo-nepenetreblajn veŝtojn* ; tiujn veŝtojn li surmetis al unu el liaj helpantoj, ĝuste al inĝeniero Kenstoke, kaj pafis al li. Kenstoke ja restis vivanta, tamen li estis sepfoje grave vundata.

Parolante pri « strangaj profesioj », oni ne forgesu la amerikanon *Thomas Burke* en New York. La polico en New York multe laboras per *hundoj.* Kiam hundo estas findresita kaj devas esti « enoficigata », oni unue devas lin ekzameni. Oni provis, pelinstigi la hundojn kontraŭ pupoj.

Tio ne montriĝis taŭga. Oni ree uzis homojn kiel objektoj de la atako de la hundoj kaj trovis sinjoron Burke. Iranta al tia ekzameno, Burke surmetas tri vestajojn, du parojn da gantoj kaj sur la kapon kaskon, krome li portas mufon ĉe ŝnuro ĉirkaŭ la kolo. La nova polichundo estas malligata post kiam ĝi ricevis odoron de Burke. Burke forkuras kaj la hundo ĉasas lin. Fine la hundo haltigas la bonan Burke kaj tiu nun ŝajnigas la sin defendantan krimulon. Kelkfoje sin evoluas batalo inter Burke kaj la hundo. Post tiaj ĉasoj Burke kompreneble aspektas plendinda. Sed li konsentas tion, ĉar la polico rekompencas al li la ŝiritajn vestajojn. Krome li ricevas ĉiufoje 25 dolarojn. Tiel sin vivtenas S-ro Burke. Ĝis nun li estis deknaŭfoje vundata ; dufoje li devis esti kuracata en malsanulejo, ĉar li suferis je gravaj intoksoj.

Tio nur estas malmultaj ĉapitroj el la serio « strangaj profesioj ». Mi ne scias, ĉu oni ankaŭ en pli fruaj epokoj estus trovinta homojn, kiuj riskus por malmulte da mono sian vivon ; certe la mizero forte subtenas la decidon, tion fari. Antaŭ jaro mi interparoladis kun la amerika eltrovinto Walton. Li elprovis ĝuste novan eksplodigilon ; li diris : « Eble iutage mi faros provojn kun vivantaj homoj ». Ĉar mi lin rigardis mirigite, li aldonis : « Jes ja, mi ricevas tiom da tiucelaj proponoj. Por 100 dolaroj homo riskas la vivon... »

Laŭ Dr. J. Schwedt.

(Tradukis : *J. K.*)

---

## Usona sprito

« En io mi nun tamen estas kontentigita. Nun mi scias, kie mia edzo pasigas la vesperojn. »

« Kion vi ne diras, karulino ! Kaj kiel vi tion sukcesis ? »

« Mi restis dum pasinta semajno unu vesperon hejme kaj tie mi lin trovis. » *Arkansas Utility News.*

« Via edzino donacis al vi por via festo de naskiĝtago, fumilaron. Mi ne sciis, ke vi fumas. »

« Mi ja ne fumas, sed ŝi. » *Boston Transcript.*

« Kara fraŭlino », skribis zorgema patrino al la lernejestrino, « ne batu nian Tommy. Li ne kutimas je tio. Ni lin batas nur pro memdefendo. » *Herold of Gospel Liberty.*

« Kial tiom meditema, karulo ? » « Restis al mi dum tiu ĉi semajno unu dolaro, kaj mi ne povas memori, kiun partpagon mi forgesis fari. » *Life.*

---

*La plej grandaj malamikoj de profetoj estas iliaj disĉiploj.*

*Per la rido de l'virino oni rekonas en kia societo ŝi troviĝas.*

*Regi afekton estas plej nobla eco.*

*Obeo ne iĝu pasio.*

*Carl Friedrich Wiegand.*

# Lingva sendependeco

De Edmond Privat.

Antaŭ ol fini serion da artikoloj pri Danujo kaj Norvegujo, restas al mi du vortoj por diri pri tre kurioza lingva fenomeno. Vi eble scias, ke en Svislando, kelkaj junaj verkistoj komencas skribi en la svisgermana lingvo kaj faras en tiu lingvo siajn publikajn konferencojn.

Ili estimas, ke la germansvisoj rajtas kulturi tion kion estas ja ilia nacia lingvo, tiel bone kiel la romanĉa estas la nacia lingvo de la Grizonanoj. Neniu Sviso parolas germane en sia hejmo, kaj tiu lingvo restas por la Svisoj fremda idiomo, lerneja lingvo.

Le spontaneeco, la vivo kaj la sento popolaj, oni trovas ilin en la svisaj dialektoj, kaj la junaj koncernaj poetoj estimas, ke perdiĝas la duono kiam oni provas traduki ilin en la germana de Germanujo. Ili volas helvetan literaturon en ĝia formo kaj spirito.

Tute sama movado, sed multe pli potenca, entuziasmigis la junajn verkistojn norvegajn. Oni scias, ke tiu lando estis dum longa tempo dependa de Danujo, kaj poste, je la 19-a jarcento, kunigita al Svedujo. En 1905, ĝi disiĝis por reakiri sian propran sendependecon kaj plivastigi sian propran nacian vivon.

La disiĝo estis pacema kaj la tri landoj restis ligitaj per amikeco, plifortigita per profunda parenceco. Vidpunkte de la lingvo, la Norvegoj troviĝas en la sama pozicio, kiel la german-svisoj. Hejme, ili parolas norvege, sed en la lernejo ili lernis ĝis nun la danan lingvon, kiu servis al ili kiel skriba kaj literatura lingvo.

La nova generacio volis liberigi sin je tiu speco de gramatika subpremo de la fremdlando. Ĝi luktis per tuta koro por forpreni al la dana lingvo ĝian privilegion kaj redoni al la norvega, tro longe konsiderata kiel dialekto, ĝian lokon de respektata nacia lingvo.

Tiu entrepreno sukcesis. Jam de kelkaj jaroj la **nynorsk** estas uzata de la plejparto de la verkistoj kaj instruata en la norvegaj lernejoj apud la dana. Eĉ la dana nomo de la ĉefurbo, Christiania, estis anstataŭigita per Oslo, je la malkontento de la eldonistoj de geografiaj libroj.

Problemo stariĝis, la sama al kiu vi tuj pensus se temus pri la germansvisa lingvo. Kiel pacigi la malsamajojn inter la diversaj dialektoj de la diversaj regionoj ? La verkistoj, majstroj en **nynorsk**, prenis sur sin tiun taskon, kaj ilia lingvo estas speco de nacia Esperanto, kiu unuigas la komunajn trajtojn de la vortoj kaj gramatiko de la diversaj dialektoj. Ĝi estas miksajo de natureco kaj artefariteco, ĝi estas la produkto de forta nacia volo kaj de persista literatura penado.

Verdire, Dante faris siatempe la samon por la itala lingvo kaj Ronsard ankaŭ por la franca, je epoko, kiam nek Italujo nek Francujo ankoraŭ posedis centralizitan lingvon. Ĉu ni vidos la germansvisan lingvon foje preni sian lokon de literatura lingvo ĉie presata kaj instruata en la lernejoj ?

Nenio estas neebla je la momento, kiam ĉiuj landoj sovaĝe defendas siajn naciajn karakterizajojn. La lingvo estas porpaca rimedo, sed proporcie al la malpligrandiĝo de la teritorio de grandaj idiomoj por interkomuniko, fariĝos despli necese pensi pri la universala instruo de help-lingvo. La unua ŝanĝiĝo ne povas taŭgi sen la alia.

El gazeto : « Le Cooperateur ».

Tradukis : *Mad Mevo.*

# Botoj

De Anton Ĉeĥov.

La piano-agordisto Murkin, viro flavvizaĝa, razita, kun nazo tabaka kaj vato en la oreloj, eliris el sia hotelĉambro. Per tremsona voĉo li ekkriis :

— Hej, Semjon ! Hej, koridoristo !

Rigardante lian ektimigitan vizaĝon, oni estus povinta supozi, ke la gipso estis defalinta de l' plafono sur lian kapon, aŭ ke li estas jus ekvidinta fantomon en sia ĉambro :

— Ho, Semjon ! kriis li al la alkuranta koridoristo. Kio do estas ? Mi estas reŭmatismulo, malsanemulo, kaj vi devigas min eliri nudpiede ! Kial vi ne alportis al mi ĝis nun la botojn ? Kie ili estas ?

Semjon eniris la ĉambron de Murkin, rigardis la lokon, en kiu li kutime metis liajn purigitajn botojn. Li ekgratis la nukon : la botoj ne estis tie.

— Kie do ili povas esti, la malbenitaj ? diris Semjon. Vespere, ŝajnas, mi purigis ilin kaj metis ĉi tie... Hm !... Mi konfesas, ke mi estis iom drinkinta hieraŭ... Oni devas supozi, ke mi metis ilin en alia ĉambro. Jes, certe, Afanasij Grigoriĉ, en alia ĉambro. Diablo ! Estas ja multe da botoj. Ĉu oni kapablas distingi en ebria stato, kiam oni ne konscias ?... Kredeble, mi metis ilin ĉe la sinjorino kiu loĝas apude, ĉe la aktorino...

— Kaj pro vi mi nun maltrankviligu sinjorinon ! Mi veku honestan virinon pro bagatelo !

Ĝemetante kaj tusante Murkin alproksimiĝis la pordon de la ĉambro apuda kaj singarde ekfrapis.

— Kiu estas tie ? ekaŭdiĝis post minuto virina voĉo.

— Estas mi, respondis Murkin per plenda voĉo, stariĝante en pozon de bonmanierulo kiu alparolas sinjorinon altmonduman.

— Pardonu pro la maltrankviligo, sinjorino, sed mi estas reŭmatismulo, malsanemulo. La doktoroj ordonis al mi teni la piedojn en varmo. Tiom pli, ke mi devas nun iri agordi fortepianon ĉe la generaledzino Ŝevelicin. Mi ne povas ja iri ĉe ŝin nudpiede !...

— Sed kion vi volas ? Kiu fortepiano ?

— Ne estas fortepiano, sinjorino, sed koncernas botojn ! La malklerulo Semjon purigis miajn botojn kaj erare metis ilin en vian ĉambron. Estu do, sinjorino, tiel afabla, donu al mi miajn botojn.

Ekaŭdiĝis sursuro, salto el lito kaj pantofla plaŭdo. La pordo malfermiĝis kaj maneto virina, graseta, eljetis paron da botoj al la piedoj de Murkin. La agordisto dankis kaj eniris sian ĉambron.

— Strange... murmuris li, surmetante la botojn. Ĝi kvazaŭ ne estas la dekstra boto. Estas ja du maldekstraj botoj ! Ambaŭ estas maldekstraj ! Aŭskultu, Semjon, ĉi tiuj botoj ne estas miaj. Miaj botoj estas kun ruĝaj oreloj kaj sen flikajoj. Ĉi tiuj estas ŝiritaj, senorelaj...

Semjon levis la botojn, plurfoje turnis ilin antaŭ siaj okuloj. Lia vizaĝo malbonhumore kuntiriĝis.

— Estas la botoj de Pavel Aleksandriĉ, murmuregis li malrekte rigardante. Li strabis je la maldekstra okulo.

— Kiu Pavel Aleksandriĉ ?

— La aktoro... Li venas ĉi tien ĉiumarde. Mi verŝajne metis ambaŭ parojn en ŝian ĉambron, vian kaj lian ; kaj li surmetis viajn botojn anstataŭ siaj. Jen afero !

— Iru do kaj ŝanĝu !

— Ĉu vere ? ekridetis Semjon. Iru kaj ŝanĝu !... Sed kie mi nun trovu lin ? Li jam foriris antaŭ unu horo... Mi iru serĉi venton sur kampo !

— Kie li loĝas ?

— Kiu scias ? Li alvenas ĉiumarde, sed, kie li loĝas, ne estas konate al mi. Li venas kaj pasigas la nokton. Poste oni atendu lin ĝis la proksima mardo.

— Jen vidu, ho porko ! kion vi efikis. Nu, kion mi faru nun ? Estas tempo, ke mi iru ĉe la generaledzinon Ŝevelicin, ho malbenitulo ! Miaj piedoj frostiĝis !

— Ne necesas multe da tempo por ŝanĝi la botojn. Surmetu ĉi tiujn kaj iradu en ili ĝis la vespero, kaj vespere — en la teatron. Tie vi informiĝu pri la aktoro Blistanov... Se vi ne volas iri en la teatron, vi devos atendi ĝis la proksima mardo. Sole marde li venas ĉi tien...

— Sed kial estas ĉi tie du maldekstraj botoj ? demandis la agordisto, altuŝante la botojn kun sento de abomeno.

— Li surmetas botojn tiajn, kiajn Dio sendis al li. Pro malriĉeco... Kie aktoro trovus rimedojn ? Kelkafoje mi diras al li : « Kiajn botojn vi havas, Pavel Aleksandriĉ ! Estas honte ! » Kaj li respondas : « Silentu kaj paliĝu ! Kun ĉi tiuj samaj botoj mi ja ludis rolojn de grafoj kaj princoj. » Vere, strangaj homoj : Unuvorte, artistoj. Se mi estus guberniestro aŭ iu ajn estro, mi kolektigus ĉiujn tiujn artistojn kaj enkarcerigus ilin.

Senfine ĝemante kaj sulkigante la vizaĝon, Murkin surtiris la du maldekstrajn botojn sur siajn piedojn. Lamentante, li foriris ĉe la generaledzinon. La tutan tagon li paŝaĉis en la urbo, agordigante pianojn ; kaj la tutan tagon ŝajnis al li, ke la tuta mondo rigardas liajn piedojn kaj vidas sur ili botojn kun flikaĵetoj kaj kurbiĝintaj kalkanumoj. Sed krom turmentoj moralaj li ankoraŭ spertis korpajn : li akiris kalon.

Vespere li estis en la teatro, kie oni ludis « Blua Barbo ». Nur antaŭ la lasta akto kaj eĉ tio sole dank'al la protekto de konatulo, oni permesis al li penetri malantaŭ la kulisojn. Enirinte la viran tualetejon, li ekvidis la tutan viran personaron. Unuj estis alivestiĝantaj, aliaj — ŝmirantaj al si la vizaĝon, triaj — fumantaj. Blua Barbo staris kun la reĝo Bobeŝ kaj montris al li revolveron.

— Aĉetu ĝin, diris Blua Barbo. Mi ĝin aĉetis okaze en Kursk por ok rubloj. Sed mi vendos ĝin al vi por ses... Rimarkinda bato !

— Pardonu, sinjoro, pro la maltrankviligo, ekpetegis la agordisto, sed kredu... mi estas reŭmatismulo, malsanemulo. La doktoroj ordonis al mi teni la piedojn en varmo...

— Sed kion, propradire, vi deziras ?

— Ĉu vi vidas ? daŭrigis la agordisto, sin turnante al Blua Barbo. Jen... Lastan nokton vi bonvolis esti en la meblitaj ĉambroj de l'negocisto Buĥteev, en la numero 64-a...

— Nu, kial mensogi ? ekridetis la reĝo Bobeŝ. En la numero 64-a loĝas ja mia edzino.

— Edzino ? Tre agrable... ekridetis Murkin. Ŝi, via edzino, do ĝuste donis al mi liajn botojn... Postkiam li, (la agordisto montris Blistanov'on) estis foririnta de ŝi, mi ekbezonis miajn botojn. Mi do, vi scias, krivokas la koridoriston kaj li diras al mi : « Mi ja enmetis la botojn, sinjoro, en la apudan ĉambron ». Erare, pro sia ebria stato, li enmetis en la numeron 64-an miajn botojn kaj la viajn, — Murkin sin turnis al Blistanov, — kaj vi, forirante de l'sinjora edzino, surmetis la miajn...

— Kion do vi volas ? diris Blistanov sulkigante la frunton. Ĉu por ĉikan-klaĉi vi venis ĉi tien ?

— Tute ne ! Dio min antaŭgardu ! Vi ne komprenis

min... Koncerne kion mi klopodas ? Sole koncerne botojn. Vi ja bonvolis pasigi la nokton en la numero 64-a, ĉu ne ?

— Kiam ?

— Lastan nokton.

— Ĉu vi vidis min tie ?

— Ne, mi ne vidis, respondis Murkin tre konfuzita, sidiĝante kaj demetante la botojn. Mi ne vidis, sed viajn botojn eljetis al mi la sinjora edzino... Anstataŭ miaj...

— Kiun rajton vi havas, sinjoro, aserti ion similan ? Ne parolante pri mi mem, vi ja ofendas virinon ; kaj, plue, en la ĉeesto de ŝia edzo !

Terure ekbruis malantaŭ la kulisoj. La reĝo Bobeŝ, la ofendita edzo, subite purpuriĝis kaj ekfrapis la tablon per la pugno laŭ tuta sia forto, tiel, ke du aktorinoj en la najbara tualetejo preskaŭ svenis.

— Kaj vi kredas tion ? kriis al li Blua Barbo. Ĉu vi kredas al ĉi tiu sentaŭgulo ? Ho, ho ! Se vi volas, mi lin mortigos kiel hundon ! Ĉu vi volas ? Mi faros el li bifstekon ! Mi lin frakasos !

La homoj promenantaj tiun vesperon en la urba ĝardeno, apud la somera teatro, nun rakontas, ke ili vidis, kiel antaŭ la kvara akto el la teatro elkuris nudpieda homo je flava vizaĝo, je okuloj terurplenaj, kaj preterkuris laŭ la ĉefa aleo. Homo en kostumo de Blua Barbo kuris post li kun revolvero en la mano. Neniu vidis, kio okazis poste. Estas tamen konate, ke post sia ekkonatiĝo kun Blistanov, Murkin kuŝis malsana en la lito. Al la vortoj « mi estas reŭmatismulo, malsanema », li de tiam aldonas ankoraŭ : « Mi estas homo vundita »...

El la rusa : *C. Rosen.*

---

# La Kometo

De Erckmann-Chatrian.

(Emile Erckmann kaj Alexandre Chatrian), francaj literaturistoj : Ili skribis en kunverkado historiajn romanojn : *L'Ami Fritz, Madame Thérèse, Histoire d'un Conscrit de 1813*, ktp, rimarkindajn per stilo sincere kaj senafekte bonkoreca, kaj kie reviviĝas la moroj de la malnova Alzaco.

Lastan jaron, antaŭ la Karnavala Festo, regis klaĉo en Huneburg, ke baldaŭ alvenos la fino de l'mondo. Tiun malagrablan informon unue disfamigis doktoro Zacharias Piper, de Kolmar ; ĝin oni povis legi en la *Messager boiteux* (Lama kuriero) kaj en kvindek aliaj almanakoj.

Zacharias Piper kalkulis, ke kometo falos de l'ĉielo la antaŭpaskan mardon, ke ĝi havos voston longan de tridekkvin milionoj da mejloj, konsistantan el bolanta akvo, kiu pasos sur la teron tiamaniere, ke fandiĝos la neĝo sur la plej altaj montoj, sekiĝos la arboj kaj konsumiĝos la homoj.

Estas ja vere, ke honesta scienculo el Paris, nomita Popinot, skribis poste, ke la kometo certe alvenos, sed ke ĝia vosto konsistos el tiel delikata vaporo, ke neniu suferos pro ĝi la plej etan malutilon ; ĉiu sin okupu nur pri la propraj aferoj ; li ja respondecos pri ĉio.

Tiu memfido trankviligis multajn timojn.

Bedaŭrinde ni havas en Huneburg maljunan ŝpinistinon, nomitan Maria Finck, kiu loĝas en la strateto de l'Tri Potoj. Ŝi estas eta maljunulino tute blanka, faltita, kiun la homoj iras konsulti en la delikataj cirkonstancoj de l'vivo. Ŝi loĝas malaltan ĉambron, kies plafono estas ornamita per koloritaj ovoj, bluaj kaj rozaj rubandetoj, oritaj juglandoj kaj mil aliaj strangaspektaj objektoj. Ŝi mem vestas sin per antikvaj falbaloj, kaj sin nutras per birdo-kukoj, kio donas al ŝi grandan aŭtoritaton en la regiono.

Maria Finck, anstataŭ aprobi la opinion de la honesta kaj bona S-ro Popinot, sin deklaris favora por Zacharias Piper, konsilante :

— Konvertiĝu kaj preĝu ; pentu pri viaj kulpoj kaj faru bonajn agojn, ĉar la fino proksimiĝas, la fino proksimiĝas !

En la fundo de ŝia ĉambro staris bildo de la Infero, kie la homoj malsupreniras laŭ vojo superŝutita de rozoj. Dancante ili paŝas, iuj kun botelo en la mano, aliaj kun ŝinko, aliaj kun ĉeno da kolbasoj. Vilaĝa muzikisto, kun ĉapelo rubande garnita, ludas klarneton por gajigi la vojaĝon ; pluraj kisas sian kunulinon, kaj tiuj malfeliĉuloj ĉiuj proksimiĝas senzorge al la flamoplena kamentubo, kien la unuaj el ili jam falis kun etenditaj brakoj kaj levitaj kruroj.

Oni prezentu al si la pensojn de ĉiu saĝa homo vidanta tiun ĉi bildon ! Ni ja ne estas tiel virtaj, ke ĉiu el ni ne havas certan nombron da pekoj antaŭ la konscienco. Tial la plej multaj pensis : — Ni ne festos la karnavalon ; la antaŭpaskan mardon ni pasigos en pento-preĝoj.

Neniam oni vidis ion similan. La adjutanto kaj la kapitano en garnizono ĉe Hunebourg vere senesperis. Ĉiuj preparoj por la festo, la granda urbodoma salono, kiun ili ornamis per musko kaj armil-trofeoj, la podio, kiun ili starigis por la orkestro, la biero, la ĉeriz-brando, kiujn ili mendis por la bufedo, kaj fine ĉiuj trinkaĵoj estos denun tute vanaj, ĉar la urbaj fraŭlinoj plu ne volis ion aŭdi pri dancado.

— Mi ne estas malica homo, konfesis serĝento Duchêne, sed se mi tenus vian Zacharias Piper, li travivus malfacilan momenton.

Kaj kun ĉio, la plej ĉagrenitaj estis tamen Daniel Spitz, la sekretario de la urbodomo, Jerôme Bertha, la filo de l'poŝtestro, la impost-kolektanto Dujardin, kaj mi. Ok tagojn antaŭe, ni vojaĝis al Strasburgo por havigi la kostumojn. Oĉjo Tobie, eĉ donis al mi kvindek frankojn el la propra poŝo por ke ni ne devu ŝpari. Mi do tiam elektis por mi, ĉe f-ino Dardenai, sub la arkadoj, Piero-kostumon. Estas speco de ĉemizo kun larĝaj faldoj kaj longaj manikoj, garnita per bulboformaj butonoj grandaj kiel la pugno, kaj kiuj sur vi balanciĝas de mentone ĝiskrure. Oni kovras al si la verton per nigra senranda ĉapeto, la vizaĝon blankigas per faruno kaj, kondiĉe ke oni havu longan nazon, kavajn vangojn kaj bele fenditajn okulojn, la afero mirinde aspektas.

Dujardin, pro sia larĝa ventro, elektis turkan kostumon broditan sur ĉiu kunkudro ; Spitz veston de pulĉinelo faritan el mil ruĝaj, verdaj kaj flavaj pecoj, kun ĝibo antaŭe, alia malantaŭe, granda ĝendarma ĉapelo sur la nuko ; nenion pli belan oni povus vidi. Jerôme Bertha devis figuri sovaĝulon kun plumoj de papago.

Kaj kiam oni faris tiajn elspezojn, vidante, ke ĉio foriras al la diablo pro la kulpo de maljuna frenezulino aŭ de iu Zacharias Piper, ĉu oni ne havas kaŭzon malami la tutan homrason ?

Nu, kion vi volas ? La homoj estis ĉiam samaj ; la frenezuloj ĉiam cedigos la aliajn.

Alvenas la antaŭpaska mardo. Tiun tagon, la ĉielo estis neĝoplena. Oni rigardas dekstren, maldekstren, supren, malsupren ; nenia kometo ! La fraŭlinoj aspektas tute konfuzaj ; la knaboj kuradis al siaj kuzinoj, al siaj onklinoj, al siaj baptopatrinoj, al ĉiuj hejmoj :

— Vi ja vidas, ke la maljuna Finck estas freneza, ĉiuj viaj ideoj pri kometo ne havas sencon. Ĉu kometoj alvenas en la vintro ? Ĉu ili ne ĉiam elektas la tempon de la vinberrikolto ? Nu, nu, oni devas decidiĝi... Estas ja ankoraŭ sufiĉe frue, ktp.

Siaflanke, la suboficiroj vizitis la kuirejojn kaj parolis al la servistinoj ; ili tiujn admonis kaj superŝutis per riproĉoj. Pluraj reprenis kuraĝon. La maljunaj paroj alvenis braken-brake por vidi la grandan salonon de la urbodomo ; la disradie aranĝitaj sabroj kaj la etaj trikoloraj flagetoj inter la fenestroj ekscitis universalan admiron. Jen ĉio ŝanĝiĝas ; oni memoras, ke estas antaŭpaska mardo ; la fraŭlinoj rapidas eltiri siajn robojn el la ŝranko kaj ciri siajn ŝuetojn.

Je la deka, la granda urbodoma salono pleniĝis de homoj ; ni venkis en la batalo : neniu fraŭlino el Huneburg tie mankis je la alvoko. La klarnetoj, la trombonoj, la tamburego plensonis ; la altaj fenestroj brilis en la nokto, la valsantinoj rondiris senbride, la kvadriloj vigle sekvis unu la alian ; knaboj kaj knabinoj neesprimeble jubilis, la maljunaj avinoj, komforte sidantaj kontraŭ la girlandoj bonkore ridis. Oni kunpuŝiĝis antaŭ la bufedo ; oni ne povis prepari sufiĉe da trinkaĵoj, kaj patro Zimmer, al kiu oni estis aljuĝinta la materialon povas fieri pro la grasa profito akirita dum tiu nokto.

Ĉe la ekstera ŝtuparo, oni vidis eliri ŝancelpaŝe tiujn, kiuj tro trinkis. Kaj la neĝo ĉiam falis.

Oĉjo Tobie estis al mi doninta la domŝlosilon por ke mi povu reveni hejmen laŭplaĉe. Ĝis la dua horo, mi ne preterlasis unu valson ; sed tiam eksufiĉis por mi, la trinkaĵoj jam konfuzis mian kapon. Mi eliris. Sur la strato mi jam fartis pli bone kaj mi ekpripensis, ĉu mi reiros al la festo aŭ ĉu mi iros por dormi. Mi ja estus ŝatinta plu danci, sed tamen mi sentis dormemon.

Fine mi decidis iri hejmen, kaj mi ekmarŝis al la strato Saint Sylvestre, kulbuto ĉe la muro, kaj farante ĉiajn rezonojn.

Jam de dek minutoj, mi tiel iris en la nokto, kiam hazarde levante la nazon, mi vidas malantaŭ la arboj de l'remparo lunon ruĝan kiel arda karbo moviĝi tra la aero. Ĝi ja estis ankoraŭ je miloj da mejloj for, sed ĝi tiel rapidis, ke post kvaronhoro ĝi devus esti sur ni.

Tiu vido min tute konsternis ; mi sentis krispiĝi miajn harojn kaj pensis :

— Jen la kometo ! Zacharias Piper pravis !

Kaj, eĉ ne konsciante pri tio, mi subite ekkuris al la urbodomo, regrimpis la ŝtuparon renversante tiujn, kiuj eliris, kaj ekkriis per timiga voĉo :

— La kometo ! La kometo !

Estis la plej bela momento de l'dancado ; sed kiam aŭdiĝis tiu voĉo en la salono : « La kometo ! la kometo ! » profunda silento ekregis, kaj la homoj turnante la kapon, vidis unu la alian tute palaj, kavvangaj kaj pintnazaj.

Serĝento Duchêne sin jetis al la pordo, haltigis min, metis sian manon sur mian buŝon, kriante :

— Ĉu vi estas freneza ? Ĉu vi ne volas silenti ?!

Sed min jetante malantaŭen mi ne ĉesis ripeti en malespera tono : « La kometo ! » Kaj oni jam aŭdis la paŝojn ruliĝi tra la ŝtuparo kiel tondro, la homojn sin kunpuŝi eksteren, la virinojn ĝemi, unuvorte teruran tumulton.

Post kelkaj sekundoj la salono estis malplena. Duchêne foriris de mi. Klinita ĉe fenestro, mi rigardis, plene elĉerpita, la homojn, kiuj kurante supreniris la straton. Kaj mi foriris, kvazaŭ freneza pro senespero.

Malsupre, en la ŝtuparo, multaj sidis sur la ŝtupoj kaj reciproke konfesis sian kulpojn ; iu diris : — Mi pruntedonis kontraŭ procentego ! alia : — Mi vendadis trompe ! alia : — Mi friponadis ĉe la ludo ! Ĉiuj samtempe parolis, kaj de tempo al tempo sin interrompis por kune krii : — Sinjoro, kompatu nin !

Mi tie rekonis la maljunan paniston Fèvre kaj panjon Lauritz. Ili batis al si la bruston kiel malfeliĉuloj. Sed ĉiuj tiuj aferoj ne interesis min ; mi ja havis sufiĉe da pekoj por la propra pento.

Baldaŭ mi atingis tiujn, kiuj kuris al la fontano. Tie oni povis aŭdi la ĝemojn : ĉiuj personoj rekonis la kometon, kaj mi opiniis, ke ĝi jam duobliĝis. Ĝi disfulmis, kaj la profundeco de l'mallumo igis ĝin ruĝa kiel sango.

La homamaso, staranta en la nokto, senĉese ripetadis kun lamenta tono :

— Estas finite, estas finite ! Ho Dio mia ! Estas finite ! Ni estas perditaj !

En tiu momento, ankaŭ mi memoris pri ĉiuj miaj pekoj ekde la junaĝo, kaj mi abomenis min. Mi sentis froston sub la lango, pensante, ke ni estos bruligataj, kaj ĉar la maljuna almozulo Balthazar staris apud mi kun sia lambastono, mi lin ĉirkaŭbrakis dirante :

— Balthazar, kiam vi ripozos en la sino de Abraham, vi kompatos min, ĉu ne ?

Tiam, li singulte respondis al mi :

— Granda pekulo mi estas, sinjoro Christian ; de tridek jaroj mi trompas la komunumon pro malinklino al laboro, ĉar mi ne estas tiom lama, kiom oni pensas.

— Kaj mi, Balthazar, mi diris al li, mi estas la plej granda krimulo en Huneburg.

Ni ploris unu en la brakoj de la alia.

Nu, ni ĉiuj estis tie jam de kvaronhoro, surgenue, kiam serĝento Duchêne alvenis tute senspira. Li estis unue kurinta al la armilejo, kaj, tie nenion vidinte, li revenis tra la strato des Capucins.

— Nu, li enĵetis, kial vi do krias ?

Kaj, ekvidante la kometon :

— Fulmotondro ! li ekkriis, kio estas tio ?

— La fino de l'mondo, serĝento, diris Balthazar.

— La fino de l'mondo ?

— Jes, la kometo.

Tiam li komencis blasfemi, blekante :

— Se almenaŭ la garnizona adjutanto estus ĉi tie... oni konus la instrukcion !

Kaj, subite, eltirante sian sabron, kaj glitpaŝante laŭ la muro, li diris :

— Antaŭen ! necesas fari esploron.

Ĉiuj admiris lian kuraĝon, kaj mi, logtirita de lia aŭdaco, iris malantaŭ li. Ni paŝis malrapide, malrapide, malrapide, kun okuloj larĝe malfermitaj, rigardante la kometon, kiu videble grandiĝis kaj trairis miliardojn da mejloj ĉiusekunde.

Fine, ni alvenis ĉe la angulo de l'malnova kapucena monakejo. La kometo ŝajnis supreniri ; ju pli ni alpaŝis, des pli ĝi supreniris ; ni devis levi la kapon, tiel ke fine Duchêne havis la kolon ortangule kurbita kaj rigardis rekte en la aeron. Mi, dudek paŝojn pli fore, vidis la kometon iom deflanke. Mi demandis min, ĉu estas prudente ankoraŭ alpaŝi plu, kiam la serĝento min haltigis.

— Mil diabloj ! li flustris, estas la stratlanterno !

— La stratlanterno ! mi diris proksimiĝante, ĉu eble !

Kaj mi rigardis mirkonsternita.

Efektive ĝi estis la malnova stratlanterno de l'kapucena monakejo. Oni neniam ĝin lumigas, ĉar la kapucenoj foriris jam de 1798, kaj en Huneburg ĉiu kuŝiĝas samtempe kun la kokinoj ; sed la noktogardisto Burrhus, antaŭvidante multajn ebriulojn por tiu vespero, ekhavis la laŭdindan penson meti kandelon en ĝi por eviti, ke la homoj rulfalu en la fosaĵon, kiu borderas la antikvan monakejon, kaj poste li iris por dormi.

Ni tre bone distingis la lanternon ; la meĉo estis granda kiel la polekso ; kiam la vento iom ekblovis, tiu meĉo lumiĝis kaj ŝajnis disfulmi, jen kio igis ĝin flugi kiel kometo.

Tion vidante, mi volis krii por averti la aliajn, kiam la serĝento min alparolis :

— Bonvolu ja silenti ! se oni scius, ke ni iris por ataki lanternon, oni mokus pri ni ; atentu !

Li dekroĉis la ĉenon tute rustitan ; la lanterno falis kun granda bruo. Post tio, ni forkuris.

La aliaj ankoraŭ longe atendis ; sed, ĉar la kometo estingiĝis, ankaŭ ili fine reprenis kuraĝon kaj iris por dormi.

La sekvantan tagon, regis famo, ke pro Maria Finck la kometo estingiĝis.

Jen kiel okazis la aferoj en la bona urbeto Huneburg.

(El la franca tradukis : *Jean Lecoultre.*)

## Spinaco

DE ANITA.

Vi devas finmanĝi ĉion de l'spinaco. Spinaco estas saniga. (578 milionoj da patrinoj al iliaj infanoj).

Se spinaco ne estus tiom saniga, oni manĝus ankoraŭ pli multe. Juna spinaco, spinacverdaĵo estas esperiga aspekto. Kiel sukoplena herbejo, sternita sur telero. Trankviliga kaj kvietiga.

Spinaco esprimas konvenan burĝecon. Ĝi ne estas legomo de vaguloj. Ĝi ne povas esti kuirita, unu-du-tri — kaj finita, se oni ne faras la barbaraĵon uzi konservitan spinacon. Spinaco devas esti purigata, senigata de malpuraĵoj folio post folio. Necesas iom da spaco kaj da tempo. Kaj tiam ĝi devas esti preparata kun amo.

Dependas de tiu ĉi preparo, ĉu spinaco fariĝos verda farunkaĉo, seka herbaĵo, puritana amaso da vitaminoj aŭ delikata legomo.

Spinaco kun ovo estas kunigo devenanta el kolor-motivoj, nedisigebla asociigo. Verda spinaco videble alvokas la flavan ovon. Ĝi ne devus nepre esti servata kiel klasika plad-ovo sur la spinacon. Ovotranĉoj malmole kuiritaj aŭ haĉita ovo estas tiom bonaspekta kiom bongusta. Kaj rulita oroflava ovaĵo, el kiu rigardas verda spinaco estas plezuro por okulo kaj stomako.

Spinaco kuirita en kremo igas milda kaj homama. Spinaco miksita kun etaj bulboj igas gaja kaj entreprenema. En la Balkano oni miksas spinacon kun rizo, aldonas citronon kaj sukeron. Kaj tio estas bonega manĝaĵo.

En Italio oni ĝin haĉas ordinare aŭ tute ne, preparas ĝin kun oleo, rostas kaj kovras kun Parmesan-fromaĝo.

En Anglujo... sed tio jam estas malgaja ĉapitro ! Kiu iam manĝis spinacon en malgranda angla gastejo scias, ke li ne estas sur la tero por amuziĝi.

En Francujo oni preparas la spinacon kun granda amo. Lingvo-instruisto kutimis rekomendi al siaj lernantoj « Spinaco en branĉoj » (épinards en branches) por ekzercigi la nazalsonojn.

Infanoj ne amas spinacon. Se nur la parencoj fine komprenus, kiom ili incitas pravigitan opozicion, rekomendi daŭre certajn manĝaĵojn kiel sanaj. Infanoj ne volas esti sanaj. Ili *estas*.

La heroa epoko de la spinaco estis tiam, kiam oni malkovris la vitaminojn. Spinaco estas la flago de la vegetaranoj. Tiel povos formiĝi el malgrandaj folioj, tuta mondpercepto.

(Tradukis : *Bazelano.*)

# Oni informas pri...

### Japana enciklopedio en angla lingvo.

La Societo por akceli kulturajn rilatojn inter Japanujo kaj eksterlando, fondita en 1934 decidis eldoni japanan enciklopedion en angla lingvo ampleksonta dek volumojn. Sur la bazo de jam ekzistantaj leksikonoj en japana lingvo devos esti kreata kuniga verkaĵo laŭ la modelo de l' **Brita Enciklopedio,** kiu informos pri ĉiuj sferoj de l' japana vivo en plej larĝa senco. La preparlaboroj finos post unu jaro proksimume. Post apero de l'angla teksto devus aperi ankaŭ eldonoj en aliaj gravaj lingvoj eŭropaj.

### Biblio-tradukoj

Al la kelkcent tradukoj de la Biblio aŭ de partoj el ĝi venis nun nova en idiomo malmulte konata. Estas traduko de la evangelio Luko, en svisgermana lingvo, pli speciale en la berna dialekto la « Bärndütsch ». La tradukon prizorgis Johann Howald, kaj eldonis la libron la Evangelia Societo en Bern. Amantoj de la Biblio kaj de ĝiaj tradukoj notas tiun ĉi fakton kun intereso. Notinde estas, ke ekzistas la Nova Testamento en alia germana dialekto la tielnomata Platgermana, parolata en la nordo de Germanlando kaj beletristike uzita de verkisto Reuter.

### La Libro en Usono.

Antaŭ nelonge oni esploris en Usono la elspezojn de familiaj mastrumadoj, ekzamenante ĉe cent familioj de oficistoj de la Ford-fabrikejoj kiom ili jare elspezas por libroj. La meza enspezo de familio estas 1.711,87 dolaroj jare. Kaj la jara elspezo por libroj atingis meze 0.20 dolaron jare (ne kalkulante lernolibrojn por la infanoj). Tio estas la plej malalta cifero en la familiaj budĝetoj por kia ajn formo de distrado au ripozo. La meza cifero de 0.20 dolaro po familio klariĝas per la fakto, ke nur sep familioj aĉetis librojn, kune 20. Sed de la cent familioj, 47 havis aŭtomobilon, 36 radioaparaton kaj 45 gramofonojn.

### Reformo de la Irana lingvo.

Irano (la ĝusta nomo por Persujo) sekvas la vojon de la Turka Respubliko, reformante metode kaj sisteme ĉion. Post la pli malpli deviga enkonduko de la eŭropa ĉapelo, sekvis la fondo de Irana Akademio en Teheran. Ĝia tasko konsistas ĉefe en tio, krei modernan lingvon iranan, simile al sama klopodo en Turkujo. La fremdvortoj devos esti anstataŭotaj per iranaj vortoj, ĉerpotaj el malnovaj libroj kaj el la popola uzo. La Akademio havas la taskon plian starigi vortaron de la irana lingvo, laŭ la bazo de la kribrota vortmaterialo. Plie ĝi devas kolekti la popolpoeziaĵojn kaj la tradiciajn kutimojn de la iranaj provincoj. Sed la plej gravan taskon oni donis al ĝi, prepari la reformon de la skribo, t.e. la enkondukon de la latina skribo je la loko de la uzata araba.

### Statistiko pri ekzekutoj.

La Statistika Jarlibro de l' Germana Regno por 1936 enhavas detalan tabelon pri la kaŭzoj de l' mortoj dum la jaro 1934 en Germanujo. Inter la kaŭzoj troviĝas ankaŭ la ekzekutoj. Estas indikataj 149 ekzekutoj de viroj, tri de

virinoj. Inter ili 76 kazoj de viroj, unu de virino laŭ la leĝo de l' Ŝtata sindefendo de l' 3 Julio 1934. Inter la ekzekutitoj (per hakilo) la plej juna estis 15 la plej maljuna 70 jaraĝaj.

**Rapida gazet-ekspedo.**

Francujo, lando en kiu oni multon faris por la rapida disvastigo de la skribita vorto, nun disponigas rapidvagonojn por sendo de la gazetoj. Tiaj specialvagonoj transportas la gazetojn de Paris al Le Havre, Caen, Le Mans, Thouars, Charleville, Amiens, Abbeville, Boulogne, Arras, Douai kaj Lille. La gazetoj atingas la destinlokojn 2 ½ horojn pli frue ol per ordinara ekspedo. Ĉi tiuj vagonoj estas aranĝitaj speciale por tiuj ĉi celo kaj atingas rapidecon de 90-120 km pohore kaj mezan rapidecon de 78 km.

**Vladimir Ĉertkov.**

Dum pasinta monato mortis 82 jaraĝa en Moskvo, Vladimir Ĉertkov, intima amiko de Tolstoj, kiu ludis en la vivo de tiu lasta gravegan rolon. Al Ĉertkov oni dankas senmankan kolekton de ĉiuj dokumentoj pri la granda verkisto reformatoro kaj defendinto de l' justeco. Ĉertkov, devenanta de altranga familio (lia patro estis ĝeneraladjutanto de l' caro Aleksandro la Dua) jam frue dediĉis sin al la plibonigo del' sorto de la kamparanoj. Li havis sintenon de primitiva kristanismo, rifuzis la devigan militservon kiel ankaŭ la plenpovon de l' ŝtato (Tutpoveco ŝtata), jam antaŭ konatiĝo kun Tolstoj. La ekzilo dekjara en Anglujo de Ĉertkov kunhelpis al la grandioza diskonigo de la instruoj de Tolstoj en la tuta mondo. La soveta registaro lin komisiis direkti la jubilean eldonon de la verkaro de Tolstoj. Li mortis atinginta la saman aĝon kiel lia granda amiko kaj instruanto.

**La Hispana Biblioteko Nacia.**

La fratmortiga milito en Hispanujo turnis la atenton ankaŭ al la trezoroj de arto troviĝantaj kaj troviĝantaj en danĝero esti detruataj. Antaŭ iom da tempo certaj mezuroj estis prenitaj por sekurigi plej valorajn librojn, preskaŭ 40.000, inter ili kelkmiloj da inkunabloj, transportinta ilin en fajrosekuran lokon de la biblioteka palaco. Inter tiuj libroj troviĝas la Biblio de l' Kardinalo Cisneros, de kiu ekzistas nur kelkaj ekzempleroj. La ekzemplero de la Hispana Biblioteko Nacia estas presita en la 16-a jarcento kaj en greka, ĥaldea, hebrea kaj latina lingvoj. Maloftaĵo estas ankaŭ la evangelio de Mateo en ĉina lingvo, presita sur rizpapero, en 17-a jarcento. Angla biblio, unu kvadratmetron ampleksanta estas konsiderata kiel ege valora libro. Krome plej malgranda libro, de 1 × 1,5 cm., kiu enhavas belegajn francajn artpresaĵojn. Ĉia titolo estas Etrennes, presita en la jaro 1812 kaj ĝi estas konservata en kesteto ne pli granda ol alumedskatoleto. Sed la plej valora verko estas la apokalipso de S-ta Johano kun ilustraĵo de Albrecht Dürer.

**Pliseverigo de germanaj leĝoj pri devizoj.**

La Regna oficejo por Mastrumado de Devizoj (Reichsstelle für Devisenbewirtschaftung) decidis, ke la privata interŝanĝo de poŝtmarkoj kun eksterlando estas ligata nun al permeso, donota laŭ demando al tiu ĉi oficejo. Plie estas de nun konsiderataj la poŝtmarkoj, uzitaj kaj ne, kiel pagiloj, neuzeblaj sen speciala konsento kiel pagrimedo por aĉeto de varoj en eksterlando.

## Libroservo de UEA

Kun la celo liberigi spacon bezonatan en la Oficejo kaj samtempe havigi al Esperantistoj por prezo malalta, interesajn librojn la Libroservo de UEA malfermas

**sekcion de malnovaj libroj**

parte ne-uzitaj parte duoblaĵoj el la Biblioteko. Ĉiu numero enhavas nun liston numerotan. La libroj estas ĝenerale en bona stato. La prezoj montritaj estas en svisaj frankoj kaj la afranko kunkalkulita.

**Listo n-ro 1**

| Aŭtoro | Titolo | Paĝoj | Prezo |
|---|---|---|---|
| Abonyi, Arpad | Mallumaĵoj | 44 | 0:25 |
| About, Edm. | La Reĝo de la Montoj | 248 | 1.50 |
| Adam, Z. | Esperanto-pola kaj Pola Esper. Bibliogr. | 64 | 0.50 |
| Amicis, E. de | Kverko kaj Floro | 89 | 0.50 |
| Andersen, H. Chr. | La Virineto de maro | 42 | 0.25 |
| Andreev, Leonid | Ben Tovit | 9 | 0.10 |
| Aristophanes | Plutos (trad. Noel) | 76 | 0.50 |
| Bach-Sisley | Rakontoj al mia Belulino | 134 | 0.75 |
| Balzac, H. de | La Vendetta | 86 | 0.50 |
| Bates, Arlo | Princo Vane' | 95 | 0.50 |
| Bazin, R. | La Muelilo kiu ne plu turniĝas | 12 | 0.10 |
| Beaumarchais | Barbiro de Sevilla | 64 | 0.50 |
| Belmont, Leo | Radioj de Roentgen | 16 | 0.10 |
| Bernard, Tristan | Angla lingvo sen prof. | 44 | 0.50 |
| Bernardin de Saint-Pierre | Paŭlo kaj Virginio | 115 | 0.50 |
| Biart, Lucien | Akvo dormanta | 54 | 0.25 |
| | Bulgara Antologio | 248 | 1.00 |
| Bunyan, John | Progresado de la Pilgrimanto | 150 | 2.00 |
| Byron, Lord | Manfred | 56 | 0.50 |
| Byron, Lord | Ĉielo kaj Tero | 54 | 0.50 |
| Carroll, Lewis | Alicio en Mirlando | 132 | 0.75 |
| Conscience, Hendr. | Rikke-Tikke-Tak | 112 | 0.75 |
| Conscience Hendr. | Blinda Rozo | 52 | 0.50 |
| Conscience, Hendr. | Kion patrino povas suferi | 40 | 0.25 |
| Ĉeĥov, A. | Mia dialogo kun poŝtestro | 30 | 0.25 |
| Ĉirikov, E. | En Malliberejo | 32 | 0.25 |
| Deligny, E. | Ranratbatalo | 14 | 0.10 |
| Devjatnin, V. N. | Verkaro I | 136 | 1.00 |
| Devjatnin, V. N. | Verkaro II | 144 | 1.00 |
| Devjatnin, V. N. | Verkaro III | 136 | 1.00 |
| Dickens, Charles | Kristnaska Sonorado | 84 | 0.50 |
| Dickens, Charles | Bardell kontraŭ Pickwick | 22 | 0.20 |
| Diversaĵoj | Div. Rakontoj. Kolekto aprobita. | 68 | 0.25 |
| Dreyfus, Abr. | La vangfrapo | 52 | 0.25 |

**Ŝlosilo en ĉeĥa lingvo.**

Kvina eldono. Nova normigita aranĝo sur unuaranga papero. 32 pĝ. Eldonis Esperanto-Asocio en ĈSR. Prezo 1 Kč. Por I respondkupono 2 ekz. sendas Esperanto-Asocio en ĈSR, Praha 47, kaj ĉe Propaganda Servo de UEA, Genève.

---

Jus antaŭ preso de la nuna numero atingis nin letero, de l' 24a de Novembro, de S-ro Joseph H. Murray, anoncanta la forpason je la 23-11-36 de malnova sincera amiko de UEA

## D-ro Tobias SIGEL

*DM kaj Delegito, pioniro kaj bonfaranto de la movado.*

Al la familio ni esprimas nian sinceran partoprenon en tiu ĉi funebro. En Januara numero ni revenos pri nia forpasinta amiko.

---

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo:
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

29-a Administra Jaro 1936/37
N-ro 1 — Decembro 1936

**Decidoj de l'Prov. Komitato.**

Dum kunsido, okazinta la 14-15 Novembro la Prov. Komitato decidis aprobi proponitan malaltigon de naciaj prezoj de la kotizoj 1937, tiel kiel montras la tabelo sur la lasta paĝo de la revuo.

Dum dua kunsido en Bern, 29-an de Novembro ĝi decidis konsenti premiojn de frupago al ĉiuj aliĝontoj ĝis 28-a de Februaro 1937. Estas uzata por ĉi-tiu celo la provizoj pri kiuj disponas la Centra Oficejo.

**Agado de l'Prov. Komitato.**

Por respondi al kelkaj demandintoj ni atentigas, ke la agado de l'Provizora Komitato limiĝas al plenumo de l'kurantaj laboroj, certigi la normalon funkciadon de l'Centra Oficejo kaj la servojn, konforme al la statuto. Ĝia tasko finas tuj, kiam la membraro per la Delegitoj estos elektinta novan komitaton. Ĝis tiam la Prov. Komitato laboras laŭ la kondiĉoj de l'leĝo, ĉap. XIV de l'S.O.K.

Universala Esperanto-Asocio
Provizora Komitato.

K. M. LINIGER — Renaud RICHEZ.

## La premiaro dum 1937

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 28-an de Februaro 1937 (por la jaro 1937).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra jaro (de l'1-a Nov. 1936 ĝis 31 Oktobro 1937).

3) **Premion de varbado** rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) **Premion** oni rajtas elekti : Frupaganto de kotizo por 1937 : M unu, MA du numerojn el la listo. — Varbanto same por M kaj MA.

## Premioj por frupago kaj varbado

**1** **Bildo de D-ro Zamenhof**, kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktajo, 10,5 × 15 cm., brunkolora sur luksa kartono. Bela ornamo.

**2** **Otto Ginz** : *Radio-Vortaro Kvinlingva.* Angla, Ĉeĥa, Esperanto, Franca, Germana. 11 × 15 cm. 218 paĝoj.

**3** **P. Firu - S. Pragano** : *Rumana bonhumoro en* elektitaj rakontoj. 12,5 × 18,5 cm., 52 paĝoj.

**4** **S. Grenkamp** : *Pola folkloro kaj popolkanto.* Kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustraĵoj ekstertekste. Eleganta libro, plaĉa 12 × 20 cm., 60 paĝoj. Plej bela premio nunjara.

**5** **Baghy Julio** : *La Vagabondo kantas.* Simplaj versoj (Nova verko de l'ŝatata poeto ; bela preso, arta kovrilo, bona papero.) 11,5 × 16 cm. 60 paĝoj.

**6** **Goldoni Carlo** : *Kurioza okazaĵo.* Triakta komedio, El itala lingvo tradukis « Mevo ». Kun ilustraĵoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.

**7** **Prof. Nothnagel** : *La Mortado.* Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad. B. Selzer.
**J. S. Machar** : *Benedek.* Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 paĝoj.

**8** **Ekzotika ŝlosilaro de Esperanto** : po unu : Araba, Malaja, Japana, Persa.

**9** **Slava ŝlosilaro** : po unu : Bulgara, Slovaka, Serba, Kroata, Slovena, Ukraina.

**10** **Hans Jakob** : *Universala Esperanto-Asocio.* Historia skizo 1908-1933. 94 paĝoj, formato de la Jarlibro, kun multaj ilustraĵoj kaj tabeloj.

**11** **Hillar S.** : *Enkonduko en la pedagogion.* Historia skizo. 8 × 11,5 cm. 20 paĝoj.
**Vambéry D-ro R.** : *Kriminologio.* Tradukis D-ro V. Toth. 11,5 × 16 cm. 86 p.

**12** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* Unu ekzemplero laŭ elekto : Jaroj : 1926, 1931, 1933, 1936.

**13** Katolika verketaro konsistanta el 4 libretoj : **Papo Benedikto X-a** : *Kristo kaj la Ligo de Nacioj* — **Frank** : *La Patro.* — **A. v. Krane** : *Graco, atendanta, rakonto el la tempo de Kristo.* — **F. Prast** : *Tarcizio. drama legendo el prakrista heroa tempo.* — Aldono : **Sappl** : *Kiel oni fondas kaj organizas Esp. grupon.* Sume 5 broŝuroj.

**14** **E. Drezen** : *Analiza historio de Esperanto-Movado.* Priskribo tendenca laŭ historia materialismo : multaj faktoj forgesitaj. 22 × 14 cm. 94 p. Kun bildoj.

**15** **Kolekto de latinidaj ŝlosiloj** : Po unu : Franca, Itala, Hispana, Kataluna, Portugala, Romanĉa.

**16** **Selma Lagerlöf** : *La mono de Sinjoro Arne.* El la sveda lingvo tradukis : Stella Engholm. 110 paĝoj. 14 × 20 cm.

**17** **Kalocsay K** : Rimportretoj. Galerio de esp. Steloj.

**18** **Selma Lagerlöf** : *La junulino el Stormyr.*

**19** **Kabe** : *Internacia Krestomatio.* 108 paĝoj.

**20** Skandinava : *Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto.* (Po unu) Dana, Islanda, Norvega, Sveda.

## Premioj al Subtenantoj.

Ĉiu persono paginta kotizon de Subtenanto por la jaro 1937 rajtas elekti unu premion el la sekvanta listo :

**I.** *Ĉeĥoslovaka Antologio.* Broŝ. eldono.

**II.** *Hungara Antologio,* belega libro 452 paĝa, monumenta verko, ornamo de ĉiu biblioteko.

**III.** *Kataluna Antologio.* Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L.K. Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉiu biblioteko. Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm. (Lukse bindita.)

**IV.** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ, la diversaj sistemoj de ingvoj internacia. 560 grand-formataj paĝoj.

**V.** Kolekto de verkoj de **Raymond Schwartz,** konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento.* 124 paĝoj. — *Proza Ridetanta.* 172 paĝoj. — *Anni kaj Montmartre.* 126 paĝoj. — *La Stranga Butiko.* 124 paĝoj. — Kune 546 paĝoj de plej humora teksto.

**VI.** **Yoshi H. Ishiguro** : *Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto.* 20 × 13 cm., 310 paĝoj. Fortika bindado. — Kvankam por japanlingvanoj, tiu ĉi libro estas unika objekto por esp. libro-amanto. Multaj ilustraĵoj.

**VII.** *Esperanto-ŝlosilaro.* — Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 30 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono aŭ tolo, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto, interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**VIII.** *Bensona Universala Esperanto Metodo.* 560 p. Bindita.

**IX.** *Arthistorio, Pentroarto en la malnova Hungarujo, Pri Moderna Arto.* Ĉiuj broŝuritaj.

**X.** Elekto libervola de dek du numeroj de la listo 1-20.

Al ĉiuj premio de Subtenanto estas aldonota unu ekz. « Pol-Pomeranio ».

*Enciklopedio de Esperanto.*

La daŭriga volumo estas plenforte redaktata kaj aperos en la jaro 1938. Por posedantoj de la unuaj du volumoj la eldonejo ebligas favorprezan aĉeton al la tria volumo kaj pro tio ĝi sendis detalan oferton al ĉiuj el ili. Se iu posedanto ne ricevas tian oferton ĝis la 1-a de januaro, bonvolu pri tio skribi rekte al la **Eldonejo Literatura Mondo,** *Budapest, IX.*

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *c.r:* certe respondos. | *k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj. | *PI:* poŝtharto ilustrita. |
| *dez.:* deziras. | *kor.:* korespondi. | *PK.:* poŝtkarto. |
| *f-ino:* fraŭlino. | *L.:* Letero. | *PM.:* poŝtmarko. |
| *gaz.:* gazeto. | *p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo. | *s-ino:* sinjorino. |
| *intŝ.:* interŝanĝo. | | *s-ro:* sinjoro. |

*Lisboa* (Hispanujo).
S-ro Americo Marques. Imprensa Nacional, Rua Escola Politecnica, PM, Yvert. Ĉiam resp.

*Amsterdam* (Nederlando).
S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

*Mukačevo* 3 (Ĉeĥoslovakujo).
S-ro A. Veverka, Internat. ul. 42; daŭre interŝanĝas kĉl. PM, PI kun bildoj de signifaj kulturverkoj kaj monumentoj, naciajn kantojn.

Senpage estas havebla « Regno de pensoj ». Adr. : Esperanto, Internat. ul. 42, Mukačevo (Ĉeĥoslovakio).

*Helsinki* (Finlando).
S-ro Leo Jalava, Mariankatu 17, dez. intŝ. PM kun seriozaj korespondantoj en Baltaj, skandinavaj, mez-eŭropaj, nederl. koloniaj lando, Michel.

*Venlo* (Nederlando).
S-ro Pierre Pypers, Retraitelaan 23, dez. intŝ. PM laŭ Yvert 1937. Michel 1937.

*Konskie* (Polujo).
S-ro Bronislaw Rakowski, Czerwonny-Most 18, dez. kor. kun ĉiu inteligentulo bonhava, faka aŭ eltrova de ĉiu scio, kiu bonvolus en sia lando propagandi, aktive aŭ helpe, projektitan ekonomian asocion, sub nomo « ŝtatmondo », kompanio akcia. Tiu-ĉi asocio celus pliigi universalan bonstaton kaj al pli individuaj membroj ĝi donus nun neprezenteblajn ĝuegojn de vivo. Statuton de « Ŝtatmondo » mi kolektis kaj prilaboris al nunaj teknikaj kaj sociaj scioj.

*Koválovice p. Tistin y. Navratil* (Ĉeĥoslovakio).
Faka instruisto de abelkulturo, kun geabelkulturistoj en Ĥinujo, Japanujo, Hindujo, Afriko, Turkujo, Brazilo, Italujo, Meksiko, pri interesaĵoj de la abel-vivo, fotografaĵoj de abeloj, ujoj, ktp.

*Ŝlosilo en ĉeĥa lingvo.* Kvina eldono. Nova normigita aranĝo sur unuaranga papero. 32 pĝ. Eldonis Esperanto-Asocio en ĈSR. Prezo 1 Kč. Por 1 respondkupono 2 ekz. sendas Esperanto-Asocio en ĈSR, Praha 47, kaj ĉe Propaganda Servo de UEA, Genève.

# La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

☞ La ĉefa ideo de UEA estas servi al la samideanoj laŭ maniero reciproka. Plej uzata estas la servado de l'Delegitoj, informpetoj pri ĉiuj eblaj aferoj, helpo dum vojaĝo k.t.p. Ekzistas regularo pri tio ĉi.

Krom tiu ĉi Servo de Informpetoj ekzistas aliaj servoj, pri kiuj aperas sciigoj de tempo al tempo. Pri kelkaj el ili ni informas tie ĉi, resume.

## Bibliografia Servo

La Biblioteko de UEA estas la plej kompleta pri Esperanto kaj la internacia lingvo.

La Bibliografia Servo de UEA estas al la dispono de ĉiu interesulo, deziranta informon pri verko en Esperanto aŭ verkoj ĝeneralaj pri la problemo de internacia lingvo. Ĉiu informo estas donota kontraŭ nura repago de afranko, sed sen garantio. Specialaj laboroj bibliografiaj estas fareblaj laŭ interkonsento pri honorario.

La monumenta ilustrita 560-paĝa verko « Bibliografio de Internacia Lingvo » estas mendebla ĉe la Bibliografia Servo. Prezo 10.—, bindita 12,50 Frk. svisaj.

La Biblioteko de UEA akiras kaj interŝanĝas ĉion pri la internacia lingvo. Proponante ion, oni demandu unue por eviti senutilan sendon okaze de ebla posedo.

## Ekspozicia Servo

Aranĝante ekspozicion vi certe jam spertis la mankon de preta materialo, servanta kiel fundamento de tia ekspozicio. Por helpi al niaj propagandistoj, la Ekspozicia Servo de UEA preparis kolekton de utilaj dokumentoj, konsistantan el riĉa kolekto de gvidfolioj, de periodaĵoj esperantistaj, de kolekto de ŝlosiloj, de poŝtkartoj kun esp. teksto, de afiŝoj. Pezo : 5-6 kilogramoj. Prezo : 12.50 fsv. — En Svislando, 7.50 Fsv.

## Gazetabona Servo

Por faciligi la abonon al periodaĵo Esperantista estas starigita tiu ĉi servo por la membroj de UEA. Ĝi akceptas peri la mendon de abono por la originala prezo, al ĉiu Esperanta gazeto.

## Hotela Servo

Tiu ĉi interesa servo estis starigita en 1913 restarigita en 1928 sed flanklasita de 1934. Post esploro de la kondiĉoj ni raportos pri ebla refunkciigo sub novaj formoj.

## Komerca Servo

*Insignoj de UEA:*

Kvinpinta verda stelo kun literoj UEA : Pinglo, broĉo, aŭ butono. Unu ekzempleron Frk. 0.60 (Dek ekzempleroj kune sendataj 5 Frk. sv.)

*Ŝildeto por Delegito:*

Tre taŭga por fiksi ĉe dompordo, el aluminio, 10 cm. alta, 4,5 cm. larĝa, blanka fundo, verda teksto tre eleganta kaj bonaspekta, la ekzemplero 0,25 Frk. sv.

*Diskoj en Esperanto:*

Nerompebla disko, unu ekzemplero : 2,50 Frk. sv.

1) Kun la himno *La Espero* kaj la bildario el *Sorĉa Fluto*, de Mozart.

2) Ario de l'duko el *Rigoletto*. Ario de l'Toreadoro el *Carmen*.

*Horloĝo Esperantista:*

Plej bona fabrikaĵo svisa, marko « L'espero », oksidita nikelo, unuakvalita movo, unu ekz. 40.— Frk. svis.

## Kongresa Servo

Tiu-ĉi servo, bone funkciinta dum pluraj kongresoj, estos restarigata por la Jubilea Kongreso en Varsovio 1937. Ĝi celas havigi al la esperantistoj agrablan restadon dum la kongreso per kombinita biletaro kaj je plej favoraj kondiĉoj, adaptataj al la nunaj cirkonstancoj. Precizaj informoj aperos en sekvantaj numeroj de « ESPERANTO ».

## Libroservo de UEA

La Libroservo de UEA celas havigi al ĉiu Esperantisto plej rapide kaj facile je originala prezo Esperantajn verkojn. La ebla profito estas uzata senescepte por plibonigi la servojn de UEA.

La kondiĉoj estas : Kun la mendo oni sendu la korespondan monsumon laŭ plej bona maniero. Estas akceptataj ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en banko, respondkuponoj poŝtaj kaj de UEA. La Libroservo ne povas sendi kredite kaj ankaŭ ne malfermas kontojn al klientoj. La prezoj estas tiuj, kiujn fiksis la eldonistoj.

Krom la perado de verkoj la Libroservo de UEA transprenas la disvendon de Esperantaj verkoj de unuopaj eldonistoj kaj servas kiel internacia deponejo. La kondiĉoj pri tiu ĉi servo estas konigataj laŭ demando.

Respondante al la postuloj de la nuna tempo, la Libroservo klopodas aranĝi por la membroj de UEA, rabaton je la originalaj prezoj por faciligi la akiron de libroj, precipe al samideanoj en landoj kun speciale malfavoraj kondiĉoj.

De nun estas aranĝata vendo de malnovaj libroj.

## Perada Servo

Tiu ĉi servo, starigita 1935-36 celis *peradi* ĉiaspecajn negocojn, aĉeton, vendon, reprezentadon, per helpo de l'Centra Oficejo kaj de difinitaj Delegitoj. Momente ne funkcias.

La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

# La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

## Propaganda Servo

La *Propaganda Servo* starigita jam en 1931 celas eldoni unuformajn propagandilojn en nacia lingvo, uzante argumentojn modernajn en la varbado. La propagandiloj eldonitaj trovis favoran aprobon inter la propagandistoj, kiel pruvas la fakto de la rapida disvendo en la ĉefaj lingvoj kaj la deziroj de represo. Aperis tiaj propagandiloj en lingvoj ĉeĥa, franca, germana, finna, hungara, kataluna, portugala kaj estis preparitaj eldonoj en bulgara, malaja, nederlanda. Ni studos la eblecon etendi tiun ĉi servon kaj informos pri tio tre baldaŭ.

Sub la *Propaganda servo de UEA* troviĝos de nun la eldono kaj la disvendo de nacilingvaj ŝlosiloj de Esperanto, utila kaj multe uzata varbilo. Laŭ la nuna ebleco la Propaganda Servo prilaboras la ekzistantajn manuskriptojn, petas kunhelpon de kompetentaj samideanoj kaj faros ĉiun eblon por plivastigi tiun ĉi valoran agadparton. Estonte ni regule raportos en la oficiala revuo pri tiu ĉi ero de servo. Estas vendeblaj nun ŝlosiloj en jenaj lingvoj : Albana, Angla, Araba, Baska, Bulgara, Ĉeĥa, Estona, Flandra, Franca, (Germana), Hispana, Hungara, Islanda, Itala, Japana, Juda, Kroata, Latva, Litova, Malaja, Nederlanda, Norvega, Persa, Pola, Portugala, Romanĉa, Rumana, Serba, Slovaka, Slovena, Sudafrika, Ukraina. (Germana elĉerpita.)

De nun ni fiksas saman prezon por ĉiu ŝlosilo. Ĝi estas 0.15 fr.sv. la ekzemplero en kiu ajn lingvo. La tuta kolekto — 30 lingva — 4 Fsv. kun sendo.

## Reklama Servo

La Reklama Servo de UEA metas al la dispono de l'publiko diversajn aranĝojn. Komercaj entreprenoj, korporacioj kun speciala celado, kiuj deziras kontaktiĝi kun la Esperantista publiko, povas utile profiti tiun ĉi servon.

La Reklama Servo povas disponi :

1) adresmaterialon ;

2) konsili pri eldono de reklamilo en Esperanto ;

3) dissendi pere de propraj eldonaĵoj tian reklamilon.

Pri detaloj oni sin turnu al la Centra Oficejo de UEA, Reklama Servo.

## Respondkupona Servo

Estas regula plendo de la Delegitoj de UEA, ke mankas al la informpetoj ricevataj la necesa afranko. Je tio kulpas parte la neebleco ricevi en ĉiu loko la poŝtan respondkuponon, kiu cetere en kelkaj landoj ankoraŭ ne estsa vendata. Por forigi tiun mankon, UEA kreis antaŭ kelkaj jaroj la respondkuponon de UEA en tri valoroj : 0,30 — 0,50 — kaj 1.— Franko svisa valoro. La respondkuponoj cirkulas por tri jaroj (la tria serio de 1932-1935) kaj estas ĉiam reakceptataj ĝis tiu dato de la Centra Kaso de UEA kaj de la Ĉefdelegitoj. Oni vendas po serio, kiu konsistas el dek pagiloj de 0,30, ses de 0,50 kaj tri je 1.— Franko. Kune tio formas 9.— Frk. sv. kun vendoprezo de 10.— Frk. La plia franko estas por la kostoj (poŝta respondkupono kostas 0.40 Frk., valoranta tamen nur 0.30). Duonjaro antaŭ la fino de la limtago, do 31-a de Decembro 1935 oni ne plu vendas kuponojn de la tria serio, sed jam de la kvara, kaj aperas regule atentigo, ke oni elŝanĝu la ankoraŭ cirkulantajn kuponojn, antaŭ la limtago. Oni mendu la respondkuponojn aŭ rekte ĉe la Centra Oficejo aŭ pere de la Ĉefdelegitoj en plene organizitaj teritorioj.

Estas ankaŭ aĉeteblaj kuponoj nur je valoro de 0.30 Fr. sen aliaj de 0.50 aŭ 1.— Frk. Minimumo estas dek kuponoj por 0.30 Frk., kies vendoprezo estas 3.50 Frk.

Krom la ordinara uzo por pagi la afrankon okaze de servopeto, la respondkupono de UEA tre taŭgas por pagi enletere malgrandajn sumojn, kies sendo per internacia poŝtmandato ne estas praktika. La respondkupono de UEA povas cirkuladi ĝis limtago. Ĝi ne senvaloriĝas ĉe unua pago. Ni rememorigas ankaŭ, ke la respondkupono de UEA estas ne ŝanĝebla ĉe la poŝto, kiel iuj erare kredas. Ĝi estas privata pagilo inter-Esperantista.

La antaŭaj linioj aperis en 1934 (speciala numero de ESPERANTO.) Intertempe devis okazi la elŝanĝo de la kuponoj kun stampo 1935. La Prov. Komitato de UEA en kunveno de jarfino 1936 esploras la eblecon daŭrigi tiun ĉi servon.

## Turisma Servo

La Turisma Servo akcelas la eldonon de praktikaj, se eble samformataj gvidiloj en Esperanto, la tielnomitaj gvidfolioj. Ĝi samtempe prizorgas la disdonon de tiuj gvidfolioj laŭ tri manieroj : 1) per la gazeto *Esperanto* ; 2) per Jarlibro ; 3) per Oficiala Bulteno.

Pri la eldono de gvidfolio de UEA, formato de la Jarlibro, oni atentu jenajn punktojn :

Oni proponu la eldonon de tia gvidfolio al turisma organizaĵo, apogante sin sur la jam ekzistantaj folioj kaj la ĉiam pli granda intereso, kiun renkontas tia reklamilo en vastaj rondoj. *Ne* estas devige, ke la gvidfolio presiĝu pere de UEA. Praktikaj kaŭzoj tion ja konsilas, sed se ne estas alie eble, oni presigu tie, kie deziras la kliento. Ĉefa principo : Eldonu la gvidfolion turisma organizaĵo je sia kosto. Oni presu sufiĉan kvanton, de 5.000 ĝis 10.000 ekzempleroj.

En venonta informo pri la servoj ni donos prezaron de la gvidfolioj en diversaj landoj kaj la koston de aldono al la publikigaĵoj de UEA.

La Turisma Servo dissendas kontraŭ repago de l'afranko la tutan kolekton de plej novaj gvidfolioj en Esperanto ĉ. 40 ekzempleroj diversaj (1.— Fsv.).

La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Preztabelo 1937

| Lando: | Mono: | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo | Fr. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 100 | 250 | 800 |
| Ĉeĥoslovakio | Kč. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo | Fr. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| Germanujo | Gmk. | Jara abono : 6 Gmk. | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungarlando | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederlando | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzelando | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugalujo | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Fr. sv. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

## Pagmaniero

Kie ne estas indiko pri persono aŭ poŝtĉeka konto oni pagu rekte al C. O.

Universala Esperanto-Asocio, Postsparkassa 105.439 Wien.

Universala Esperanto-Asocio, C. C. P. 184.200 Bruxelles.

Universala Esperanto-Asocio Poŝtĉeka kto 79.236, Praha.

Ĉefdel. : F-ino Helmi Dresen, Tatari 14-5, Tallinn.

Ĉefdel.: O. Laukkanen, Kluuvikatu 5 A, Helsinki.

Universala Esperanto-Asocio, C. C. P. 221.76 Lyon.

» » » 908.50 Frankfurt A. M.

Universala Esperanto-Asocio, C. C. P. 3-327 Milano.

Universala Esperanto-Asocio : P. K. 40.759 Zagreb.

ĈD : J. Telling, Poŝtĉek-konto : 2 426-19 Rotterdam.

ĈD : J. Ŝapiro : Poŝtĉeka kto 60.047, Warszawa.

Universala Esperanto-Asocio : Poŝtĉeko 4138 Stockholm.

Rekte al C. O. Poŝtĉeko I. 2310 Genève.

**M = Membro kun Jarlibro : / MA = M kun jarlibro kaj gazeto : / MS = Subtenanto = MA kaj premio / MD = Dumviva Membro kun ĉiuj rajtoj de MA, dumvive**

**Premiojn** rajtas personoj varbantaj novan anon, Frupagantoj de kotizoj kaj la Subtenantoj.

**Grava :** Ĉiuj sendaĵoj al Centra Oficejo de UEA estu adresataj kun plena nomo de UEA, 1 Tour-de-l'Ile, Genève, sen aldono de iu persona nomo. — De Germanujo oni akceptas nur abonojn al ESPERANTO.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 12-36